VIa jaro. — No 81 Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) 5 Julio 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

Direktoro : HECTOR HODLER

ABONO

Jara Abono. . . . . . . . . . . . . . 1,60 $ (4 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo).



## Dum la lasta duonmonato

**En pli ol 900 lokoj ekzistas nun Delegitoj aŭ Subdelegitoj de U. E. A.**

**La preparoj de nia Kongreso en Augsburg plej ĝojige prosperas. Oni legu la detalojn sur la 3-a paĝo.**

**Ĵus aperis la « Gvidilo de l'Esperantiano » kiun ĉiuj niaj membroj devas ricevi senpage de siaj Delegitoj.**

## Rondirantaj Kajeroj

Por prepari la balotadon de la distriktaj Delegitoj, nun okazantan, kaj plifaciligi la rilatojn inter la Delegitoj de sama distrikto ĉu inter si, ĉu kun la Centra Oficejo de Esperantio, oni scias, ke ni kreis distriktajn rondirantajn kajerojn. Tiuj kajeroj rondiras laŭ difinita vico inter ĉiuj Delegitoj de la distrikta teritorio ; en ili ĉiu Delegito respondas al demandoj pri ĝenerala irado de nia Asocio, skribas siajn rimarkojn pri la laboroj de siaj ceteraj kolegoj, konigas la staton de la Esperantia movado en sia regiono, elmetas siajn ideojn kaj opiniojn rilate al la disvastigo de U. E. A. ĉe sia landparto, aludas malhelpojn kaj malfacilaĵojn, kiujn li renkontis dum sia agado.

La Centra Oficejo de U. E. A. jam ricevis kelkajn el tiuj rondirantaj kajeroj, eĉ el malproksimaj transoceanaj distriktoj. Ilia logedo estas plej interesa. El ili ni scias precize kiel progresas aŭ malprogresas nia Asocio en tia aŭ alia regiono ; ni konatiĝas kun la malfacilaĵoj komunaj al ĉiuj landoj ; ni ĉerpas fruktodonajn instruojn ; ni vidas en kio nia agado estas frumatura aŭ nesufiĉa, pri kiuj punktoj ĝi estas malbone komprenata. Dank'al tiuj kajeroj ni povas kvazaŭ mezuri ĝis kia grado la principoj de Esperantio penetris ĉe niajn delegitojn, dank'al ili riveliĝas al ni novaj talentoj, interesaj ideoj, imitindaj iniciatoj, alie ne koneblaj. Kiam ili estos revenintaj al ni el la plej multaj landoj, ni havos per tio tre ĝustan informilon pri la stato de Esperantio kaj de Esperantismo en la mondo kaj laŭ ĝi ni povos direkti multe pli trafe nian laboron en la venontaj monatoj.

Sed en alia rilato, la signifo de tiu institucio estas atentinda. Ĝis nun la vivo de Esperantio estis preskaŭ ekskluzive direktita al la centro. Ke tio ĉi estis komence neevitebla kaj bona, neniu povos kontesti laŭ la rezultatoj akiritaj, sed ke ĉiam tiu vivo devas resti alcentrigita ni ne opinias dezirinda. Estas necese, ke niaj membroj sentu sin Esperantianoj kaj agu Esperantie ne nur kiam ili rilatas kun la centro de nia Asocio, sed ankaŭ en ĉiuj okazoj kiam ili rilatas inter si. Alivorte, estas necese, ke ekzistu regionaj interesoj kaj regiona vivo de U. E. A., kiu lasos al ĉiu sufiĉan iniciaton kaj agliberecon. Por ĉi tiu celo ni proponis la kreon de distriktoj, kiuj povas fariĝi centroj de aktiva vivo, dank'al la kreo de distrikta delegito, de la rondirantaj kajeroj, kaj de la specialaj distriktaj kunvenoj. La unua paŝo por ebligi ĉi tiun rezultaton, kiu certe ne tuj montriĝos, estis faciligi la rilatojn inter la Delegitoj, koncentrigi iliajn pensojn al la Esperantia agado, instigi ilin al ĉiam pli intima kunlaborado. Al tio helpos la rondirantaj kajeroj, kies aperon niaj reprezentantoj kun ĝojo salutis. Anstataŭ resti disaj, ili sentos sin kunligitaj, scios, ke ili povas profiti la spertojn unu de la alia, pli kaj pli ĝuste partoprenos en la diskutado de la demandoj gravaj por nia agado.

Ne sen emocio kaj ĝojo ni ricevis tiujn kajerojn, rondirintajn tra deko da urboj kaj venkintajn ĉiujn malakurataĵojn, ĉiujn forgesojn dum sia vojo. En ilin ĉiu el niaj Delegitoj metis kelke da siaj pensoj, ellasis siajn esperojn, konfidis siajn timojn ; en ĉiuj ni konstatis en kia ajn formo la saman fervorecon, la saman amon al Esperantismo, la saman neŝanceleblan konvinkon pri la alta signifo de nia movado. Kaj ni ne povis forteni de nia penso la certecon, ke en ĉi tiu sento, komuneco de centoj da homoj, apartigitaj per la naciaj, rasaj kaj lingvaj baroj, kuŝas la ĝermo de io granda, kiu pravigas ĉiujn esperojn kaj oferojn.

H. H.

## SOCIA VIVO

### JURO

**En Norvegujo : leĝo pri asekuro kontraŭ malsano**

Norvegujo jus voĉdonis leĝon pri la deviga asekuro kontraŭ la malsano.

Ĝi estas aplikebla al ĉiuj salajratoj kaj geoficistoj de pli ol 15 jaroj. Estas enkalkulataj en la salajratoj la neposedantaj kamparanoj, kiuj laboras ĉe bienulo, kaj la servistoj.

En ĉiu distrikto estas kaso, kies enspezojn liveras kotizaĵoj pagataj de la salajrato po ses dekonoj, de la mastro po unu dekono, de la komunumo po unu dekono, kaj de la ŝtato po du dekonoj. La mastro retenas la parton de la laboristo ĉe la salajrpago.

Kion rajtigas la norvega leĝo?

De la komenco de l'malsano la asekurulo ricevas senpagan kuracadon, de la ĥirurgiisto, se estas necesa ; la kaso liveras la bandaĝojn, k. t. p. La elradikigo de la dentoj estas entenata en la medicinaj zorgoj.

Krom tio, la malsanulo rajtas dum 26 semajnoj monhelpon egalan je 60 % de la meza tagsalajro. La akuŝitaj virinoj havas senpagan kuracadon kaj monhelpon dum 6 semajnoj.

En okazo de funebro la kaso donas monan helpon dudekkvinoblan de la meza tagsalajro.

Ni aldonu, ke tiu leĝo ne kontraŭstaras al la laborado de la mutualaj organizaĵoj, sed ilin helpas kaj sin apogas sur ili.

**En Aŭstrio, leĝo reguligas la laboron en la komercejoj**

En Aŭstrio jus ekfunkciis nova leĝo pri la reguligo de la laboro en la komercejoj. Ĝi aplikiĝas al ĉiuj komercejoj kaj al ĉiuj magazenoj de podetala vendado kaj al la entreprenoj kie oni produktas kaj vendas samtempe.

Ĝenerale, la ĉiutaga fermo estas fiksata de la oka vespere ĝis la kvina matene ; ĝi okazas nur de la naŭa vespere ĉe la vendejoj de nutraĵoj. Por eviti ĉian konkurencon dum la horoj de fermado la kolportado estos severe malpermesata. La konsumaj kooperativoj kaj sindikataj asocioj estas ankaŭ submetataj al tiu leĝo.

Resume, la leĝo ordonas la fermadon dum 9 horoj. Tio neniel signifas, ke la oficistoj devas labori 15 horojn. Ili rajtas minimuman ripozon da 11 horoj ne interrompatan. Tiamaniere la fermo de la magazenoj koincidos kun la ripozo de la oficistoj, escepte se la komercisto organizas alternantajn laborantarojn, aŭ mem plenumas la laboron.

Kun tiu leĝo, tute sen escepto, ĉiuj komercejoj estos fermataj 11 horojn el 24. La mastro ne la lasta ĝojos pri tiu regulo, kiu certigos lian ripozon sen la danĝero de la konkurenco.

J. G.

## GEOGRAFIO

### La Aŭstralianoj

*La apudmaraj gentoj.*

Por ebligi al tiuj, kiuj ne scias pri la « hejmvivo » de la Aŭstraliaj enlanduloj, kompreni la kontraston inter ilia nuna stato kaj tiu de la tempo antaŭ la alveno de la blankuloj, ni devas image vojaĝi en la nordan ŝtaton de Reĝinlando (Queensland), kie la maljunaj koloniistoj ankoraŭ vivece memoras la naturajn kutimojn kaj vivrimedojn de la landidoj. Ĉirkaŭprenante parton de la lando proksimume larĝe 200 mejlojn de la suda landlimo de la ŝtato ĝis Yorko Kabo, ni ampleksas areon en kiu ia parto praktike similas al alia ajn parto pro siaj rimedoj pri la liverado de manĝaĵoj por la enlanduloj. Arbkovritaj montoj kaj valoj enhavis ĉiujn specojn de marsupialoj (kiuj antaŭe multenombre troviĝis), kaj la riveroj estis plenaj da fiŝoj, kiujn la landanidoj lerte kaptis per pikiloj kaj retoj. La vivado troviĝis kompare facila por ĉi tiuj popoloj ; nek superakvoj nek senpluveco minacis ilian manĝprovizon. Manĝante preskaŭ entute viandaĵojn ĉi tiuj nigruloj estis sovaĝaj, kruelaj, kaj perfidemaj. Ili vagadis sur la kampoj interne de siaj gentaj landlimoj, haltante ĉe ia loko dum semajno aŭ minuto, laŭ la facileco por la enprovizo de la viandejo. Ili loĝadis en mallerte konstruitaj el arbŝelo budoj, nomitaj « gunyahs » (elp. « gunjas »), kaj por litkovriloj uzis la felojn de didelfoj kaj makropoj (aŭstraliaj marsupialaj bestoj) ; tiaj feloj estis kunekudritaj per la la fenditaj tendenoj el la vostoj de la makropoj. De infaneco la viroj estas ĉasistoj, kaj ilia lerteco pri la kurado, kaj ilia sciado pri la kutimoj de la bestoj, ebligis al si la enprovizon de sufiĉege da viandaĵoj. La virinoj sin okupis eltranĉante el la kavaj arboj la didelfojn kaj arbmielon, sekigante la felojn, kaj el tiaj fabrikante litkovrilojn, k. t. p. ; vadante en la lagetojn por havigi al si la radikojn de la lagfloroj kaj alimaniere obtenante diversajn « frandaĵojn » por aldoni al la ĉiama makropviando, kiu troviĝis ĉe preskaŭ ĉiu manĝo. Estis nenia malsaneco ĉe ĉi tiuj gentoj ; agemaj, viraj, bonenutritaj, ili naskis kaj edukis bonsanajn infanojn ; gajaj etuloj, ĉasistoj preskaŭ de la naskotago, subtilaj kiel sanghundo je la postsignoj de ĉiaj bestoj, grasaj, dikaj, kaj feliĉaj. Bedaŭrinde por ili la tago alvenis — tute tro frue — kiam la ebrieco kaj malsanoj de la blankuloj, helpata de la opio kaj malvirtoj de la ĥino, detruis ilian sendependecon, ruinigis iliajn korpojn, kaj faris el tiuj, kiuj ankoraŭ ekzistis, la mallaboremajn, ebriemajn forlasitojn kiuj kutime vagadis ĉirkaŭ la minejoj kaj urbetoj en la Nordo.

*La internaj gentoj.*

Mi nun petas ke la leganto image akompanu min trans la strio de langaforma, apudmara lando, super la Apartiga Montĉeno (angle « Dividing Range »), kaj vojaĝu sur la okcidentaj akvokolektejoj, en la landon de vastaj plataĵoj, de senarbaj ebenaĵoj, kaj grandegaj ruĝaj sablomontetoj. Ni postlasas le montojn kaj la marsupialojn, la eŭkaliptojn kaj la didelfojn, kaj ĉe la bordoj de Kapra Kriko (Cooper's Creek), ni atingis la landon de la internaj gentoj, kies karaktero kaj kutimoj kaj vivrimedoj tre diferencas de tiuj de iliaj marbordaj fratoj. Pro multe da senpluveco kaj malsatego, kaj preskaŭ entute sen viandaĵoj, ĉi tiuj landidoj estas korpe tre malsuperaj al la marbordanoj. Ne certa estas al ili la manĝprovizo, kaj ili praktike dependas de legomaĵoj, k. c., por la nutrado. Ili povas starigi ĉiujarajn budarojn sole post la pluvsezonoj kaj tiuj estas maloftaj. Kiam la bonvenaj pluvoj alvenas, tiam ĉiuj anoj de la same gento kunvenas ĉe ia centra loko, kaj starigas budaron dum tri aŭ kvar monatoj, laŭ la daŭro de la pluvoj. El ĉiuj lokoj interne de siaj gentaj landlimoj (al kiuj ili jam antaŭe forpeliĝis pro la serĉo por manĝaĵoj) ili envenas. La plataj soifaj ebenaĵoj ensorbas preskaŭ la tutan pluvakvon, kaj tie, kie antaŭ unu monato estis senvojaj mejloj de polvo kaj soleco, nun troviĝas tropikaj kreskaĵoj, kiuj liveredos al la malsatigitaj vaguloj sufiĉege da manĝaĵoj. Speco de oksalo, aŭ trifolio, lukse kreskas, kaj tion unue formanĝas la nigruloj ; kaj dum la fortodoraj riverherboj (en kiuj maturiĝas manĝeblaj semoj) rapidkreskas sur la plataĵoj, kaj [illegible] kreskaĵoj estas maturiĝantaj sur la sablomontetoj, la landidoj aŭ konstruas novajn budojn aŭ riparas tiujn, kiuj jam tie troviĝas de antaŭa sezono. Ĉar estas troveblaj neniaj arboj taŭgaj por la havigo de ŝelo, sablokovritaj dometoj estas la ĉi-tieaj konstruaĵoj. Per lignaj iloj (faritaj el la ĝibo aŭ fleksaĵo de kavaj, fleksitaj arboj) ili fosas malprofundan kavon en la teron — la amplekso laŭ la nombro da personoj en la familio — kutime proksimume ok futojn laŭdiametre kaj du futoj laŭprofunde ; en la randon de kiu estas enmetataj tri fortikaj forkformaj stangoj, kiuj kunvenas ĉe la supro ; kontraŭ ili estas metataj ceteraj stangoj — grandaj kaj malgrandaj — kaj kiam la kadro estas sufiĉe densa, tiam estas metata sur ĝin dika kovrilo el herbo ; sur ĉi-tiu estas amasigata tavolo el sablo, dika ĉirkaŭ unu futon ; estas lasata malferma spaco en la fasado por trarampi en la budon. Post kiam la sablo estas surbatata kaj ebenigata ĝi fariĝas kiel malmola krusto tute nepenetrebla de la pluvo ; kaj ĉi tiuj rondformaj, kvazaŭ abelujaj budoj, konstruitaj el ruĝa sablo prezentas aspekton tre neordinaran. Interne la familio dormas ; nenia tapiŝo, nenia mato, nenia litkovrilo. En la centro de la budeto konstante bruletadas fajro, kiu hejtigadas la sablon, sur kiu oni kuŝas amase por varmeco. Dum kelke da monatoj la manĝprovizo estas abunda ; manĝeblaj semoj kaj kreskaĵoj multenombre troviĝas ; ĉiaj kampobirdoj — de la pelikano al la akvokokino — estas amase sur la lagetoj ; ovoj kaj kokidoj are kolekteblaj ; ranoj, kampratoj kaj serpentoj estas kapteblaj ĉie, kaj estas tre ŝatataj de la nigruloj por la manĝo. La efikoj de tiaj manĝegoj je la enlandanoj estas mirindaj. Ili alvenis sekaj kaj grizaspektaj kiel elefanta felo, kaj nun ili sin trovas riĉabrunaj, glatfelaj, kaj grasaj. La kampara lino nun maturiĝas, kaj post kiam ĝi tute maturiĝis la tubsimilaj vergoj estas ruladataj ĝis kiam ĝi estos senŝeligebla ; oni nun frapadas ĝin sur ŝtonoj, kaj tiam lavas kaj ĝin frotas ĝis ĝi sin trovos kiel amaso da blankaj fibroj, el kiuj oni ŝpinas fadentordaĵojn, kiel la botflikisto aŭ la selfaristo tordas sian » vaksfinon », sur la femuro. Intertempe la fiŝoj en la lagetoj pligrandiĝas, kaj, je la tempo kiam la retoj estas fabrikitaj, nova manĝprovizo estas preta. Sed jam la suno eksekigas la teron — teron, kiu posedas proksimume naŭ somerajn monatojn en la jaro — kaj la varmega vetero efektive komenciĝas. La kreskaĵoj elvelkas, la akvobirdoj ekforflugas al aliaj plipluvemaj lokoj, kaj jam estas necese ke la nigruloj denove disiĝu, ĉar ne plu troviĝas sufiĉe da nutraĵoj apud la loĝejo. Bandoj, kalkulantaj dek aŭ dekkvin personojn, kune ekvojaĝas ; eble ili kunvojaĝados dum kelkaj monatoj ; sed la daŭrada senpluva vetero rapide elsekigas kaj eluzas la plej multe el la manĝliverejoj, kaj tiam estas necesege apartiĝi en ankoraŭ pli malgrandajn aretojn. Bandoj, konsistantaj el tri aŭ kvar individuoj ĉiu, nun travivas malfacilajn tempojn. Kreskaĵoj jam tute malaperis, kaj ili por nutrado dependas de rampuloj, insektoj, kaj la malmultaj fiŝoj kaj birdoj kapteblaj. Jam ne estas ili bone nutritaj, sed, alivice, ili rapide malgrasiĝas. Malofte ili ĉe la sama haltejo restadas pli longe ol du noktojn, sed ili estas devigataj daŭre antaŭeniradi pro la necesa serĉado por manĝaĵoj. Multenombre ili mortas, nemulte da idoj ili naskas, tiel patrino Naturo reguligas la leĝon pri la demando kaj la propono. Sed denove alvenas la gloraj pluvoj, kaj ĉi tiuj malfeliĉigitaj vaguloj senerare celas la komunan centron, tien saluti la restulojn, interŝanĝi rakontojn, kaj sin supersatigi ĝis ili regrasiĝos kaj regajiĝos kiel antaŭe.

H. T. Donaldson,
(Trad. E. A. Pryke, Del. Maitland).

### Al la konkero de la sudpolusaj regionoj

La pasinta jaro vidis la eltrovon de la norda poluso de la amerikano Peary. (Ni bonfareme forgesu D-ron Cook.) Se la venonta jaro ne vidos la eltrovon de la suda poluso, malpleje ĝi atestos kelkajn notindajn provojn por tute esplori la nekonatajn antarktikajn regionojn. Estas proponite de komandanto Peary, ke esplorekspedicio ekvojiru de Usono, dum la monato Aŭgusto de tiu ĉi jaro, kaj marveturu suden al Weddel-a Maro, kie oni establus provizaĵejon kaj aranĝus por marŝado trans la glacian plataĵon, kiu kredeble ĉirkaŭas tute la poluson. Esploristo Peary oferis sian bonegan vaporŝipon « Roosevelt » kiu estis speciale konstruata por lia vojaĝo norden, kaj per kies daŭreco kaj taŭgeco por kontraŭbatali la glaciajn flosaĵojn de la arktikaj maroj, li povis atingi sian celon. La tuton de sia lasta vojaĝekipaĵo li disponigos al la ekspedicio, nome glitveturiloj, felvestoj, sciencaj instrumentoj, tendoj, k. t. p. Peary mem ne akompanos la ekspedicion.

Precize kie la provizaĵejo establiĝos oni ne povas diri, sed la esploristoj intencas provi alteriĝi ie en la apudeto de « Coats Land » sur la bordo de la Weddel-a Maro. Ili esperas ke ili povos trovi ekvojirejon proksiman de la poluso malpli ol 900 mejlojn, aŭ 1.500 km.

Brita ekspedicio forlasos Anglujon dum Aŭgusto de la nuna jaro, por peni atingi la sudan poluson. Kapitano Scott kiu jam faris esploradojn en Antarktiko kondukos ĝin. Li sekvos la vojon elmontritan de Leŭtenanto Shackleton, kiu lastan jaron tiel preskaŭ atingis la poluson.

Ankaŭ venas iam kaj iam anoncoj pri fantaziaj kaj ridindaj planoj por aliri al tiu ĝis nun neatingita punkto. Estas dirite ke du rusoj, Baronoj Mathiessen kaj Voltchoeck, faros la provon per direkteblaj aerŝipoj. Kapitano R. V. Webster de Anglujo esperas atingi la dezirindan lokon vojaĝonte per kombinaĵo de balono kaj glitflugilo. Ankaŭ venas raporto ke la germanoj partoprenos en la sudaj esploroj, sed la anonco ne estas difinita.

Krom la suprenomitaj esploroj, kelke da sciencaj ekspedicioj vojaĝos suden dum 1910. Oni atendas ke la usona registaro sendos ekspedicion al Antarktiko por retrovi kaj landkartigi la tiel nomitan « Wilkes Land ». Amerikana navigisto nome Wilkes antaŭ multe da jaroj eltrovis vastegan novan landon, laŭlonge la marbordo de kiu li vojaĝis 2.500 km. Li ekposedis ĝin en la nomo de Unuiĝitaj Ŝtatoj kaj ĝin nomis Antarktiko. Tamen la geografiistoj de la mondo interkonsentis ke la nomo estu « Wilkes Land ». Ĝis nun Usono faris nenian ajn provon por enketi tiun landan eltrovon. La Amerika Muzeo de la Natura Historio baldaŭ sendos ekspedicion al Antarktiko por studadi la bestaron kaj la plantaron de la sudaj regionoj, kaj por fari multekzempleran kolekton da ili Oni atendas altvalorajn rezultatojn de tiu ĉi ekspedicio.

Estas en la mondo hodiaŭ neniu alia regiono kiu prezentas al la sciencistoj kaj geografiistoj tiajn interesajn kaj nesolvitajn problemojn kiaj estas tiuj de Antarktiko. Jen kontinento pli granda ol Usono kun kune Alasko, pli granda el tuta Eŭropo, pri kiu oni scias preskaŭ nenion. La mallarĝaj vojoj de Scott kaj Shackleton kiuj marŝadis de Victoria Lando unudirekten nur reprezentas la tutan esploradon de tiu ĉi vastega lando. Kiajn montarojn, vulkanojn, glaciejojn, kiajn novajn vivformojn, kiajn restaĵojn de antaŭgeologiaj epokoj oni trovos en la neesplorita interno de tiu kontinento, kiu povus konjekti ! Eksterdube la venontaj sciencaj kaj geografiaj ekspedicioj multe pliriĉigos nian geologian, zoologian kaj ĉiurilatan sciencon.

H. Hall (Cleveland).

### En Brazilio : Madejro-Mamoreo fervojo

Post kiam Usono konstruigis la Panaman kanalon por akiri ankoraŭ pli altan rangon en la mondkomerco, Brazilio ne posedanta marhavenon ĉe Pacifiko sin okupas je alia grava entrepreno, nome je la konstruo de fervojo por proksimigi sian centrokcidenton al Bolivio, kaj por direkti la tiean komercon tra sia teritorio al la Pacifika Oceano.

La fervojo, komencata sur la dekstra bordo de la Madejrrivero apud la unua rapidfluo proksime al Gvarejo, sekvas laŭlonge de la rivero kaj ĉesas ĉe Porto Veljo, kie malaperas la lasta kontraŭaĵo al ŝipirado. Ĉar la rivero estas ne nur ŝipirebla Porto Veljo, sed ankaŭ antaŭ Gvajaro, la fervojo alliĝos al la mondkomerco ĉiujn alriverojn ; ĉar la Madejrrivero enfluas en la Amazonoj-riveregon, kiu ankoraŭ supren de la kunfluiĝo estas ĉiam ŝipirebla por grandaj marŝipoj.

Plie oni devas konsideri, ke la alriveroj de Madejro kiel Benio, Manuo, Mamoreo Itonamaso, Baŭreco kaj Gvaporeo estas ankaŭ ŝipireblaj, trafluas preskaŭ tutan Bolivion kaj la nordokcidenton de la brazila ŝtato Mato Groso, liberigonte tiamaniere vastajn regionojn por la kulturo kaj komerco.

Kvankam kelkaj lokoj estas malsanigaj pro marĉaj praarbaroj, la regiono estas alie loĝebla kaj fruktodona, sed ankaŭ tie la kulturo malaperigos tiel same malfavorajn statojn higienajn kiel jam en similaj tropiklandaj lokoj, kiuj, iam danĝeraj, hodiaŭ estas sanaj, precipe se la loĝantoj konformigas sian vivmanieron al la kondiĉoj de la varma klimato.

La ĉefaj produktaĵoj konsistas el kaŭĉuko, bovoj, kafo, kotono, tabako, k. c. Certe oni devos transŝarĝi la komercaĵon el la vagonaro sur la ŝipojn, atendantajn antaŭ la rapidfluoj, sed debito kaj profito pli grandaj facile eltenos tiun ĉi elspezon.

La brazila registaro kontraktis la koncesion kun usona societo, kiu energie daŭrigas la konstruon kaj post pretigo de la fervojo, ricevos bonegajn procentojn el sia kapitalo, malgraŭ malfacila laborado en malsaniga klimato. Brazilio, kiu kontraktis kun Bolivio por starigi la fervojon ne konsiderante la estontan pligrandiĝon de la komerco jam tre bone profitis el la definitiva akiro de la kaŭĉukriĉa teritorio de Akro, sed ankaŭ Bolivio povos plivalorigi la produktadon de siaj plej popoloriĉaj distriktoj, kiam la baro por la transporto trans Andoj al la Pacifika Oceano ĉesos kaj per la dirita fervojo estos anstataŭigata de pli bona vojo Pacifikon.

Fr. Emilio Thieback (Del. São Leopoldo).

## KONGRESOJ & FESTOJ

### Pafkonkurso en Grenoble

Dum junio 1910 okazos en Grenoble gravega internacia pafkonkurso, por kiu estos premioj almenaŭ 80.000 $.

Jam de nun, en aparta loko de la komerca ĉambro, speciala oficistaro laboras pri ĝia organizo, kaj baldaŭ komenciĝos, en bela ebenaĵo ĉe la piedo la Alpoj, la aranĝo de vasta pafejo kun oportunaj konstruoj.

Grandaj festoj estos organizitaj, kaj ankaŭ ekskursoj al la mirindaj lokoj de la « Alpes Dauphinoises ». Nenio estos ŝparita por ke la vizitantoj forportu agrablan rememoron pri sia restado, kaj tiel pravigi la reputacion de la « Alpa Reĝino ».

Ĉar la jam ricevitaj aliĝoj pruvas ke konkursantoj alvenos el ĉiuj partoj de la mondo, la tiea esperantista grupo estos feliĉa utili al niaj samideanoj, kaj intencas organizi por ili specialan akcepton kaj servojn.

Ni do petas, ke ĉiuj interesatoj tuj sin konigu al la Delegito : S-ro Ploussu, 4, place J. Achard, kiu informos ilin pli detale.

Se la respondoj estos multaj, ni povos, kun la apogo de la organiza komitato, aranĝi la aferon por ke tiu gravega sporta manifestacio fariĝu ankaŭ nova triumfo por nia afero.

### La prezentadoj de la Kristsuferado en Oberammergau

Tiun ĉi someron la pentrindaj Bavaraj Alpoj ankoraŭ pli ol alifoje allogos multegajn vizitantojn el diversaj landoj, ĉar en Oberammergau, ĉirkaŭata de tiuj montoj, okazos mondkonataj prezentadoj de la tragedio de l'Kristsuferado.

Pri la deveno de diritaj prezentadoj en la bavaraj arĥivoj troviĝas interesaj sciigoj.

En la jaro 1633, kiam ĉiam pli kaj pli disvastiĝanta pestepidemio senesperigis ankaŭ en Oberammergau kaj kun terura rapideco komencis la forprenadon de homaj vivoj, la enloĝantoj kolektiĝis, preĝis kaj, petante la helpon de Dio, solene promesis je lia honoro aranĝi de tiu tempo ĉiudekjare la prezentadojn de la tragedio de l'Kristsuferado.

La unuaj prezentadoj efektiviĝis en la jaro 1634. Post la jaro 1674 la prezentadoj estis organizitaj en 1680 kaj tiel oni difinis ilin al jaroj, kies ciferoj finiĝas per nulo.

Kiam pli malfrue okazis pastraraj kaj reĝaj malpermesoj, ĉesigintaj la Kristsuferad-prezentadojn en aliaj lokoj, oberammergauanoj multfoje kaj insiste klopodis pri la rajto daŭrigi la prezentadojn kaj sukcesis atingi tiun privilegion.

Komence tre primitivaj scenaranĝoj iom post iom perfektiĝadis. Nun oni jam havas en Oberammergau grandegan, bonege konstruitan teatron kun 4000 garditaj de suno kaj pluvo sidlokoj, de kiuj oni havas belegan aspekton sur la scenejon, kies tegmento estas ĉielo kaj malantaŭe de kiu leviĝas pentrinda montaro.

Alloga pejzaĝo, mirinda ludo de perfekte kostumitaj aktoroj, solenaj kantado kaj

muziko ĉio kune kutime profundege impresas la ĉeestantojn.

Unu prezentado daŭras preskaŭ tutan tagon; tre ofte okazas ke la nombro de venintaj vizitantoj du aŭ trifoje superas la nombron de teatraj seĝoj. Tiam la prezentadoj ripetiĝas dum la sekvantaj tagoj.

Ni ne dubas, ke multaj Esperantianoj post la Augsburga Kongreso ĉeestos ĉi tiun originalan artan manifestadon 1).

El. GRIVEVA (München).

## AERVETURADO

### Internacia aviada konkurso en Verona

La urbo de la kolosa roma amfiteatro kaj de la tragedia legendo de Romeo kaj Julio de kelke da tempo revekiĝis el sia multcentjara dormado sur la antikvaj gloroj, por eniri en la plej viglan modernan vivon. Pruvo de tio estas la granda internacia aviada konkurso kiun ĝi organizis fine de Majo.

Tia konkurso tre bone sukcesis dank'al favoraj kondiĉoj de la vetero kaj al la lerteco kaj kuraĝo de la partoprenantaj aviadistoj. Kvar biplanoj pilotataj de Paulhan, Efimoff, Duray, Cheuret, kaj kvar monoplanoj pilotataj de Cattadeo, Kuller, Molon (tiu ĉi havis du aparatojn) ĉiutage prezentis al amaso de cent mil rigardantoj la spektaklon de vera aro de monstraj birdoj kiuj postkurante unu alian leviĝis en aero ĝis la plej sublimaj altoj.

Triumfanto de la semajno estis Paulhan, la franca aviadisto kiu antaŭe venkis la premion *Daily Mail* flugante de London al Manchester. En Verona Paulhan gajnis la unuan premion de alteco (m. 1163) kaj de distancoj (km. 442). Ĉi tiu granda aviadisto plenumis ankaŭ ĝentilan patriotan performancon flugante de Verona al batalkampo de Solferino (km. 30), kie en 1859 la francaj soldatoj batalis por la sendependeco de Italujo kaj tie li portis kronon de loroj. Poste li reveturis aeroplane al kampo de aviado.

Timinda konkursanto por Paulhan estis la ruso Efimoff, unuanime nomata la *ombro de Paulhan* ĉar lia aeroplano konstante troviĝis apud tiu de la franco.

Eĉ flugante super 1100 metroj Paulhan ne sukcesis liberiĝi de sia persekutanto kiu obstine lin sekvis je la alteco de m. 1096. Efimoff estas simpatia tipo de gaja granda knabo kiu vivigas la bonhumoron de la kamaradoj kaj de la ĵurnalistoj per sia ŝercoj kaj siaj kuriozaj paroladoj farataj per kvindek francaj vortoj kiuj formas lian tutan posedaĵon de fremdaj lingvoj. La gazetoj raportis ke Farman, aviadisto esperantista, por helpi Efimoff kontraŭ la embaraso de la nesufiĉaj lingvistikaj konoj, klopodis lernigi al li Esperanton sed kun malmulte da sukceso ĉar la senpacienca junulo preferas promeni super la nuboj ol resti en ĉambro por studi gramatikon.

Belajn flugadojn faris la itala Cattaneo kiu flatis la ŝovinismon de siaj samlandanoj venkante la mondan rekordon de alteco atingita per monoplano (m. 194).

La plimulto de la premioj estis gajnataj de Paulhan (entute Sm. 26.600), de Efimoff (entute Sm. 10.000) kaj de Cattaneo (entute Sm. 6.000).

Neniu aviadisto suferis pro faloj en la Verona semajno krom Duray kiu, en la lasta horo de la lasta tago flugante tre proksime de la tero, puŝis la aeroplanon kontraŭ ĝi kaj ĵetita de sia sidejo teren estis frapita sur la brusto de la helico. Du ripoj rompiĝis. Oni transportis la malfeliĉulon al hospitalo kie oni juĝis lin resanigebla en tridek tagoj.

La konkurso lasis en ĉiuj ĉeestantoj plenan konvinkon ke aviado estas nun definitiva venko de la homa genio.

C. STEVANINI (Del. Verona).

1) Esperante redaktataj prospektoj estas eldonitaj; sin turni al la Munĥena Del., S-ro J. Krumbach, Comeniusstr., 10, München.

## IDEOJ & FAKTOJ

### Infannaskado kaj civilizeco. La opinioj de Gumploviĉ pri la naskiĝoj en Francujo

La ŝtatoj, kiel naturaj, sociaj formoj, submetiĝas al la neevitebla natura leĝo de evolucio kaj malapero. Mi ne certigas, ke la ŝtato estas organismo simila al kreskaĵo, besto kaj homo. Ne! Sed la ŝtato certe estas socia formo, kiu laŭ naturaj leĝoj naskiĝas, laŭ tiuj leĝoj kreskas, kreas kulturon, defalas kaj mortas. La historio de la tuta mondo, la ĝenerala historio de homaro atestas ĝustecon de tiu ĉi fakto. La eŭropanoj fantazias, ke iliaj ŝtatoj devas esti eternaj. Tio estos nur la pruvo, ke ili estas naivaj. Tiuj ĉi ŝtatoj malaperos tiel, kvazaŭ malaperis la ŝtatoj de l'antikveco. La signoj de la dekadenco de tiuj ŝtatoj estas jenaj: tre disvolvita civilizeco kaj defalo de la nombro de naskiĝoj. Ju pli la kulturo estas disvolvita, des pli defalas la nombro de naskiĝoj, des pli proksimiĝas la tempo de malapero. Ju pli malalta estas la ŝtupo de kulturo, des pli granda la nombro de naskiĝoj, des pli granda la perspektivo de la vivo de l'ŝtato. Tio estas leĝo. Vi demandos min, per kio oni povus tiun leĝon ŝanĝigi. Sociologoj faras nenion alian, krom konstati la leĝojn de la naturo; la ŝanĝon de tiuj leĝoj ili lasas al politikistoj kaj humanaj filozofoj. Min doloras, ke mia vidpunkto tuŝas patriotajn sentojn de la francoj, je kiuj mi flegas plenan simpation. Sed, la unua devo de la scienco estas koni la veron. Cetere kion timas la francoj? Eble la superecon de germanoj, tial, ke ili povas montri pli grandan nombron de naskiĝoj? Ke ili kvietiĝu! La slavoj en orienta Eŭropo havas multe pli grandan nombron de naskiĝoj ol la germanoj, kaj tio estis ago de la sana, natura instinkto, kiu la ŝtaton kun la plej malalta nombro de la naskiĝoj instigis al la alianco kun la ŝtato, kiu montras nun la plej altan ciferon. Tiu alianco ne estas vane kreita en la spirito de la kulturo, sed altrudis ĝin al la francoj tute sana instinkto de memkonscieco. Francujo povas centjarojn feliĉe kaj pace travivi ĉe sia malgranda nombro de la naskiĝoj, ĉar ĝi ne devas timi pli grandan naskiĝciferon en Germanujo, dum la Germanujo vivas en eterna timo pro pligrandiĝo de la loĝantaro en Rusujo. Per tiu ĉi agrabla historia konjunkturo estas certigita la ekvilibro de Eŭropo dum multe da tempo. Profunda netrairebla kontrasto inter Germanujo kaj Rusujo restas konstanta kaj longe estos la plej bona ŝildo por Francujo, kvankam ĝia loĝantaro postrestus, aŭ se ĝi eble defalus. Tio estas granda feliĉo por Eŭropo kaj por la tuta Eŭropa kulturo. Francujo estas devigita ankoraŭ longe lumigadi Eŭropon per la torĉo de civilizo, esti la pioniro de libereco. Ĉiu, kiu dubas tion, pripensu nur la jenon. Kiu ŝtato, per divido de ŝtato kaj eklezio malfermis novajn vojojn al libereco? Ĉu Germanujo? Ĉu Aŭstrio? Neniel. Tie, preskaŭ kiel en tuta Eŭropo, ankoraŭ ĉiam regas la plej malluma klerikalismo. Al Eŭropo, ankoraŭ enjungita je eklezia jugo, la Francujo donis ree la plej helan ekzemplon de la kultura progreso. 1789 estis la politika, hodiaŭ la spirita liberigo. Ne! La Europa torĉportanto povas esti kontenta: Vere ne ekzistas la eterneco de la nacioj, sed la popoloj, kiuj havas civilizecon tian, kian Francujo povis krei, donas la pruvon de pli granda vivkapableco, kiun ne povus krei la alta cifero de la naskiĝoj.

Trad. M. AVDALOVIĈ (Del. Zavala).

(1) Fama Aŭstria sociologo, mortinta en 1900.

### Disvastiĝo de nova kulto

La rimarkindan disvastiĝon de nova orienta kulto nomita « Baha-ismo » kiu jam nun havas multajn disciplojn en granda Britujo priparolis S-ro Bernard Temple antaŭ la reĝa art.-societo.

« Mi opinias, diris li, ke en Azio naskiĝas okazaĵoj kiuj eble finiĝos per la rekonstruado de la tuta kredaro de nuntempa internaciismo, kaj kiuj aldonos al la mondhistorio ĉapitron tiel draman kaj gravegan.

« Baha-ismo devenas de Persujo. Kvankam ĝia fondinto ankoraŭ predikis en la tempo kiam S-ro Gladstone pretigis sian lastan bategon kontraŭ la brita Lord. ĉambro, oni nun konstatas ke la nombro de Baha-anoj en la mondo estas pli ol 2,000,000.

« Jam alprenis Baha-ismon ne malpli ol unu kvinono da la Persa loĝantaro. En Turkujo, Egiptujo, Nord-Hindujo kaj aliloke la Baha-anaro fariĝas multnombra, kaj gajnas konvertitojn eĉ inter la Sikh-oj, Budistoj, Ŝintaistoj kaj la Judoj persaj.

« Multaj Parsioj jam fariĝis Baha-anoj, kaj en Rusujo, Germanujo, Francujo, Usono kaj Britujo oni alprenis pli intelektan formon de Baha-ismo. La nombro de Baha-anoj en Londono estas konsiderinda, kaj pli malgrandaj rondoj ekzistas en la urbegoj Manchester, Liverpool, Edinburgh kaj Glasgow.

« Oni diras ke Baha-ismo estas speco de religia Esperantismo — mondreligio — sed tio ne estas la tuta vero. Laŭ sia esenca karaktero ĝi ne estas tiom religio kiom religia movado. Resume, ĝi estas la Protestantismo de Islamo.

« Ĝia spirito estas kontraŭpapa, kontraŭepiskopa, kontraŭpastra, kaj en tio kuŝas ĝia historia graveco. Dank'al la freŝeco kaj delikateco de la persa pensmaniero leviĝis en Islamo reformema influo preskaŭ nekalkuleble energia. »

(El *Daily Express*).

Trad. J. GOURLAY (Subdel. London).

### Pri la sesuma nombrado

Mi jus legis en Esperanto de la 25 Junio, artikolon pri la nombrado sesuma.

Ŝajnas al mi ke S-ro Fungo tute malpravas proponante sian sistemon: tuj post kiam li diras, ke bona fundamento paronombrado devas havi multe da dividantoj, li proponas la fundamenton « ses », kiu havas nur du dividantojn, same kiel la fundamento « dek ».

Nur tiun tialon li donas por sia propono. La multobliga tabelo estus pli facile lernigebla.

Tuj mi diros al li ke se la multobliga tabelo « dekuma » estas malfacile lernigebla, la kaŭzo estas la rimedo parkera.

Efektive la memoron oni devas ŝarĝi de la nombroj de tiu tabelo nur post kiam la infanoj, ludante per objektoj, scias materiale, konkrete, kio estas tiuj nombroj.

Sed, ŝajnas al mi, la grava eraro de S-ro Fungo estas tia.

Li ja diris, ke la nombrado dekuma daŭras de la tempo, kiam niaj praavoj kalkulis je la fingroj. Li tute forgesas, ke ankoraŭ la homoj kaj precipe la infanoj kalkulas tiel. Neniam oni povos fari ke la homoj ne uzos unue siajn fingrojn por lerni kalkulon.

Tie estas la kaŭzo, kiu malhelpis la sukceson de la aliaj nombradsistemoj.

Duonscienculoj rimarkis ke preferinde estus havi la fundamenton « 12 », divideblan de 2, 3, 4 kaj 6. Multaj provoj estis faritaj precipe por la rimedoj mezuroj Neniu el tiuj provoj dum ia ajn epoko, en ia ajn lando sukcesis. Kial?

Ĉar la homoj simplaj volas kalkuli laŭ la fingroj, do dekume.

Nur kiam la ĥirurgiistoj donos al ni sesan fingron je ĉia mano, ni povos alpreni la sistemon dekduuman, sed ne la sistomon sesuman, kiu ne ŝajnas al mi interesa.

Gis tiam ni devas konservi la fundamenton « dek ». Alie ni farus eble agon *ŝajne* pli sciencan, verece kontraŭsciencan kaj nefilozofian.

J. CAMESCASSE (Paris).

La unua Kongreso de U. E. A. (por Eŭropo) okazos en Augsburg (28 Julio-3 Aŭgusto 1910).

## Homara Dataro

*Julio.* 1. 1859. Mortas Kristoforo Plantin fama flandra presisto.

3. 987. Hugo Kapeto supreniras la tronon de Francujo. — 1788. Mortas J.-J. Rousseau. — 1849. Mortas poeto Gofredo Mameli batalante de villa Corsini en Romo. Fino de la Roma Respubliko.

4. 1776. Usono deklaras sian sendependecon. — 1807. Naskiĝas G. Garibaldi en Nico. — Mortas Chateaubriand.

5. 1905. Mortas geografiisto Elizeo Reclus.

6. 1012. Mortas en Romo matematikisto Kristoforo Clavio.

7. 1807. Paco de Tilsit inter Prusujo kaj Rusujo. — 1808. Napoleono ĵuras la konstitucion de Bayono.

8. 1621. Naskiĝas fabloverkisto Lafontaine. — 1487. Vasko de Gama forveturas de Lisbono por atingi Indujon, tra la promontoro de Bona Espero. — 810. Mortas reĝo Pepino filo de Karlo Granda.

9. 1336. Mortas pentristo Giotto. — 1816. Unuigitaj ŝtatoj de la Plata (Argentino) deklaras sian sendependecon. — 1880. Mortas antropologo Paŭlo Broca.

10. 1509. Naskiĝas Johano Kalvino el Noyon. — 1851. Mortas Daguerre, elpensinto de la dagerotipio kaj de la dioramo. — 1882. La angla ŝiparo bombardas Aleksandrion en Egiptujo.

11. 1897. Andrée foriras areostate al la Norda Poluso.

13. 1793. Mortas Marat. — 1878. Interkonsento de Berlino.

14. 1514. Mortas en Firenco poeto B. Giambullari. — 1789. Almilito de la Bastiljo.

15. 1609. Mortas en Romo pentristo Anibalo Caracci. — 1099. Gofredo el Buljon almilitas Jerusalemon.

A. TELLINI.

## La Faktoj

*30 Majo.* VIENO. — Mortas profesoro Zamboni, itala patrioto.

31. PARIZO. — Mortas Karlo Simon, patrioto kaj dramaŭtoro.

2 Junio. FIRENZO. — Oni portas kopiaĵon de la statuo de Davido de Miĥelanĝelo, antaŭ la Malnovan Palacon.

CALAIS. — Rolls traveturas du fojojn « La Manche », per biplano Wright.

3. CALAIS. — Oni sukcesas sublevi ĝis la supraĵo de l'maro la submaran ŝipon « Pluviose ».

4. ROMO. — Mortas la vicministro de l'milito, generalo Prudente.

7. POLJO kaj ARPINO. — Tertremo sufiĉe grava; 30 mortintoj en vilaĝo Calitri.

31. CALAIS. — La submara ŝipo « Pluviose » estas trenita en la havenon. Oni eltiras la unuan kadavron.

12. MILANO. — Ĉevalo Desgold de sir Rholand venkas en la kuradoj la grandan premion da 40.000 Sm.

A. T.

## TRA LA MONDO

### Harcmontaro

Kiam la plifortiĝantaj radioj de la printempa suno elkreskigas la verdan foliaron en kamparoj kaj arbaroj, tiam en la koroj de la homoj, precipe de la urbega loĝantaro, ekvekiĝas moviĝema sento. Forrapidi el la malvastaj polvoplenaj stratoj en la belan, nove ornamitan naturon estas la deziregо de miloj kaj miloj.

Multaj preferas la bordojn de la maro, por ĝui la ĉarmoplenan ludon de la ĉiam senripozaj ondoj, kie ili eble sentas iom de la grandega povo de eterna Dio. Jes, ankaŭ mi ŝatas la vastan maron kaj komprenas ĝian grandiozan majestecon. Sed, naskiĝinta en la montaro, la fibroj de mia koro estas kunligitaj kun la verdaj montoj. Starante sur la suproj, mian animon trafluas la altiĝanta sento, ke mi estas trans la limoj de malamikeco kaj malpaco, ke la malnobleco de la homoj ne povas maltrankviligi la pacon de mia koro.

Ho, belega Harco, kiel mi amas cin! Min ne timigas ciaj malhelaj montoj krute elkreskantaj el la Nordgermana ebenaĵo, kvazaŭ intence barantaj la vojon de la migrulo. Mi ja bone scias, ke la masivo de cia korpo estas tratranĉita de sennombraj belaj valoj, sur kies fundo arĝentbrilaj riveretoj malsuprensaltas inter grizaj rokeroj, gaje plaŭdante kaj serioze rakontante pri la sekretplena vivo de gnomoj kaj feinoj, kiuj trovas ŝirmon en ciaj densaj arbaroj kaj mallumaj kavoj.

Ho, bela Harco! Kiel allogas min ciaj densaj aroj de alkreskaj abioj, kies ozonriĉa odoro plenigas la pulmojn je nova vivoforto. Revado en la ombro de ciaj abioj, en kies branĉoj multkolora kantbirdaro kantadas pri la beleco de la Dia kreitaĵo, estas la plej efika resanigilo por vunditaj koroj.

Kaj ĉe ciaj piedoj, ĉe la eliro de la riveretoj, el la valoj en la ebenaĵon, kuŝadas nombro de tiel ĉarmplenaj urbetoj, ke malfacile la migrulo povos fari elekton de restadejo. Ĉu li preferos la malnovan Goslar kun la Kaiserhaus (imperiestra domo), kies muroj rakontas multon el la historio de la germana mezepoko? Ĉu li starigos sian tendon ĉe la raviga banurbo Harzburg kun la kastelmonto, kronita de ruino atestanta pri la antaŭa potenco de germanaj reĝoj? Eble ankoraŭ pli multe lin ravigos la aminda Ilsenburg, duonkaŝita en la fundo de la ĉarma Ilsevalo kun liaj famekonataj akvofaloj.

Nu, mi petas Vin, kara migrulo, venu kun mi iom pli orienten. Ĉu vi vidas tie sur monteto kvarangulan blankan kastelturon elstarantan el helverdaj fagoj kaj kverkoj?

Salutas nin la kastelo de la princo de Stolberg-Wernigerode, unu el la plej belaj kasteloj en la tuta Germanujo. Ni eniras la urbon

*Wernigerode,*

tramigras la purajn stratojn, kie ni renkontas afable salutantajn loĝantojn, kaj preterpasas la malnovan urbodomon, kiu estas konstruita laŭ mezepoka stilo de brune pentritaj traboj La blankŝtonaj interspacoj donas al la konstruaĵo iom strangan, tamen afablan kaj vivplenan aspekton.

Bone prizorgitaj malkrutaj vojetoj nin kondukas al la kastelo, de kies turo ni ĝuas nepriskribeblan belan perspektivon. Ĉe la piedoj de la kastelmonto etendiĝas en du belaj valoj tie kuniĝantaj la urbo Wernigerode kaj ĝia antaŭurbo Hasserode. La malgrandaj domoj estas preskaŭ tute kovritaj de verdaĵo kaj neĝo de fruktarboj, el kie la ruĝaj tegmentoj rigardas kiel ruĝe bolitaj kankroj sur telerego garnita de petroselo. Turnante la kapon norden, ni vidas parton de la ebenaĵo konsistanta el verdaj kamparoj kun arbaj insuloj, vilaĝoj kaj urbetoj, kies altaj kamentuboj estas signoj de floranta industrio. Oriente kaj sude la vido estas barata de altaj montoj. Direktante la okulojn okcidenten rava aspekto prezentas sin al ni. Multaj montoj limigas belajn valojn; de malproksime oni povas imagi ke verdaj kulisoj de granda teatra scenejo intermontaĵoj estas nomita la « Steinevue Renne ». En densa malluma abiaro kvazaŭ elkreskas el la deklivoj de montoj krutaj grizaj pintaj rokoj, inter kiuj grandaj ŝtonblokoj estas konfuze amasigitaj, kiel ludiloj de potencaj gigantoj en pasintaj pratempoj. La kuraĝa rivereto Holtemme, ne timante la ŝtonbarojn, transsaltas ilin gaje kaj formas ĉarmplenajn akvofalojn. Certe unu el la plej sovaĝaj kaj interesaj partoj de Harco.

Nun, kara kunmigrulo, vi demandas min pri la montego, kiu en alta majesteco tronas super la pigmeoj ĉe siaj piedoj? Estas la honorinda reĝo de la Harc-montaro, la legendoriĉa Brocken alta 1141 metrojn, kies maljuna kapo estas preskaŭ ĉiam vualita de enviaj nebuloj. Kiam akre blovantaj ventoj ilin momente disŝiras, ni ekvidas la Brokenhaus kun alta turo, de kies pinto la vizitanto povas travidi rondaĵon de diametro de 240 kilometroj kun ne malpli ol 89 urboj

Ni eble morgaŭ mem supreniros la giganton, aŭ piede per kruta ŝtonega vojeto, aŭ veture sur bone prizorgita ŝoseo, aŭ eĉ fervoje, ĉar de Wernigerode kondukas fervojo serpentumante ĝis la verto de la patro Brocken.

Rigardante el la vagono, viaj okuloj estas surprizitaj ĉiumomente de novaj ĉarmplenaj aspektoj de valoj kaj montetoj.

Certe vi nun elvokos: Kiel bela estas tie ĉi la naturo, vera paradizo! Jes, rajte oni nomas Wernigerode la paradizo de la Harco, ne nur pro ĝia belega ĉirkaŭaĵo, sed ankaŭ pro la bona milda klimato, pro la abiodora pura aero, kiu kune kun bona nutraĵo baldaŭ donos novajn fortojn al ĉiuj resaniĝantoj. Mi vin konsilas: restadu nur tie ĉi, vi trovos en *Villa Esperanto* gastemajn afablajn gemastrojn. Mi ja mem spertis: ges-roj Neurath faras ĉion eblan por agrabligi la vivon al siaj gastoj. Sub la verda standardo vi trovos veran esperantisman senton.

Karaj gesamideanoj de en kaj eksterlando! Se vi deziras restadi dum viaj someraj liberaj tagoj en refreŝiga montara aero, elektu la ŝlosilon de Harco, la paradizon Wernigerode. Certe vi neniam pentos.

VOGLER (Del. de U. E. A.)

## 1ª Kongreso de U. E. A.

### AUGSBURG
### 28 Julio-3 Aŭgusto 1910

**Vojaĝoj.**

Ni ĉi tie tiveras liston de la plej bonaj vegonaroj kaj prezoj, sen garantio de plena precizeco de la prezoj, el la ĉefaj urboj.

| | II-a Kl. | III-a Kl. |
|---|---|---|
| *Paris* for | 10h » vesp. | 9h09 matene. |
| Baselo alv. | 6 10 mat. | 9 07 vesp. |
| C. F. F. for | 7 05 — | 9 37 — |
| | | tra. Zuriĥo. |
| Lindau alv. | 12 21 | 2 43 |
| for | 12 44 | 2 55 |
| Augsburg alv. | 4 58 | 6 36 matene. |
| Prezo: | S-m. 27.40 | S-m. 18.00 |

| | II-a Kl. | III-a Kl. |
|---|---|---|
| *London* | 2 20 vesp. | 9 » vesp. |
| (Charing Cross) Boulogne | | 1 23 |
| Baselo | 6 34 mat. | 9 07 mat. |
| | 7.05 — | 9 37 — |
| Lindau | 12 21 | |
| Augsburg | 4 58 vesp. | 6 36 |
| Prezo: | S-m. 44.52 | S-m. 30.40 |

| | II-a Kl. | III-a Kl. |
|---|---|---|
| *Varsovio* | 3 02 vesp. | 8 47 mat. |
| Breslau | 5 58 mat. | 10 35 vesp. |
| | 6 11 — | 11 03 — |
| Ausgburg alv. | 11 29 vesp. | 5 14 — |
| | | tra München. |
| Prezo: | S m. 36.45 | S-m. 20.70 |

| | II-a Kl. & III-a Kl. | |
|---|---|---|
| *Vieno* | 12 45 tgm. | 7 30 mat. |
| Augsburg alv. | 10 57 vesp. | 9 07 vesp. |
| Prezo: | S-m. 15.95 | S-m. 10.15 |

| | II-a Kl. & III-a Kl. | |
|---|---|---|
| *Roma* | 9 » mat. | 11 50 vesp. |
| Lindau | 12 21 tgm. | 2 43 mat. |
| | 12 44 tgm. | 2 55 — |
| Augsburg alv. | 4 58 vesp. | 6 36 — |
| Prezo: | S-m. 35.14 | S-m. 23 44 |

| | II-a & III-a Kl. |
|---|---|
| *Bruselo* (Nord) | 11 28 vesp. |
| Strasburgo alv. | 8 44 mat. |
| for. | 9 » — |
| Karlsruhe alv. | 10 32 — |
| for. | 10 61 — |
| Augsburg alv. | 4 09 vesp. |
| Prezo: S-m. 19.85 | S-m. 12.80 |

| | II-a Kl. & III-a Kl. |
|---|---|
| *Hamburg* for. | 7 17 mat. |
| Kassel-Frankfurt-Stuttgart-Augsburg alv. | 11 47 vesp. |
| Prezo: S-m. 21.80 | S-m. 14.20 |

| | II-a & III-a Kl. |
|---|---|
| *Praha* | 1 02 vesp. |
| München | 9 43 — |
| | 10 15 — |
| Augsburg alv. | 11 07 — |
| Prezo: S-m. 10.75 | S-m. 5.55 |
| *Genève* | 6 50 mat. |
| Augsburg alv. | 9 27 vesp. |
| Prezo: S-m. 17.65 | S-m. 12.04. |
| *Marseille* | 6 » mat. |
| Genève | 3 54 vesp. |
| | 5 05 — |
| Lindau | 2 43 mat. |
| | 2 55 — |
| Augsburg alv. | 6 36 — |
| Prezo: S-m. 33.24 | S-m. 22.20 |

| | | |
|---|---|---|
| *Genova* | 7 20 vesp. | 11 » mat. |
| Lindau | 12 21 tgm. | 2 43 — |
| | 12 44 — | 2 55 — |
| Augsburg alv. | 4 68 vesp. | 6 36 — |
| Prezo: | S-m. 26.18 | S-m. 17.74 |

J. SCHMID.

**Fako Turisma.**

*La ir-reiraj biletoj.*

Por la personoj, kiuj deziras nur ĉeesti la Kongreson kaj viziti Munĥenon, plej konsilinde estas elekti ir-reiran bileton. En la *francaj* K-ioj la tarifo de tiuj biletoj estas: IIa Kl. 48 spezoj po km.; IIIa kl. 30 sp. po km. (la iro sola estas kalkulata por la distanco). La daŭro de tiuj biletoj ne superas 5-6 tagojn por la grandaj distancoj. En *Svisujo*, la tarifo estas jena: IIa kl. 40 spesoj; IIIa kl. 25 sp. po km.; ili valoras 10 tagojn.

En Germanujo ne ekzistas ir-reira bileto. Tamen, ir-reiraj biletoj ekzistas inter la plej grandaj svisaj kaj francaj urboj kaj la germanaj centroj. La prezo estas kalkulata laŭ la tarifo de la ir-reiraj biletoj en Francujo kaj Svisujo kaj laŭ la tarifo de la ordinaraj biletoj por Germanujo. Ili longe daŭras (Parizo-Munĥeno, IIa kl. 44, 28 Sm.; IIIa kl. 30, 20 Sm., 20 tagojn).

*Internaciaj rondbiletoj.*

La plej multaj kongresanoj deziros uzi sian vojaĝon por viziti Svisujon aŭ Tirolon aŭ Germanujon aŭ Nordan Italujon. Plej konsilinda estas rondbileto internacia. Kun tia bileto la vojaĝanto ne bezonas atendi ĉe la stacioj, nek pagi sian lokon precipeŝatebla se li ne konas la enlandan lingvon kaj monsistemon. La prezo de tia bileto estas difinata proksimume laŭ la tarifo de la ir-reiraj biletoj.

*La ordinaraj biletoj.*

La plej ŝpariga maniero vojaĝi en Germanujo estas uzi ordinarajn biletojn. La germanaj fervojoj estas malkaraj precipe ĉe omnibusoj. La tarifo estas IIa kl. 12 spesoj po km., IIIa kl. 15 sp. Por la ekspresoj oni plipagas 25 Sd. po 75 km. en IIa kl. kaj 12 Sd. po 75 km. en IIIa kl. Krom tio ekzistas progresiva imposto: en IIa kl. 2 Sm. por bileto da pli ol 25 Sm.; en IIIa kl. la duono.

La prezo de bileto estas do facile kalkulebla laŭ la distanco.

En Svisujo la ordinaraj biletoj kostas 29 sp. IIa kl. kaj 21 sp. en IIIa kl. po km.; la montaj fervojoj estas multe pli karaj.

En Aŭstrio la tarifo estas en IIIa kl. de 16 ĝis 20 sp. por la malgrandaj distancoj kaj 12 ĝis 16 por la grandaj. En Italujo la tarifo estas simila al la franca, iom pli malkara por la grandaj distancoj.

Pri rondbiletoj oni trovos informojn ĉe la ĉefaj stacidomoj kaj ĉe la vojaĝagentejoj.

FELIETONO DE « ESPERANTO »

10

# LA KATO

de Dro JOHANO RAJBERTI

Inter la multnombraj lecionoj donitaj de la Kato, mi volas memorigi ankaŭ tiun ĉi, nome ke la proverbo *ĝentileco kun ĉiuj kaj intimeco kun neniu*, ŝajnus elpensita de ĝi, tiom ĝia karaktero estas kunfandita al tiu ideo. Ĝi estas ĝentila, dolĉa, bona kunulo de la manĝotablo kaj eĉ de la lito; ofte ĝi vin lekas zorgeme fervore, kiel flatemulo aŭ parazito; mulfoje ĝi trograndigas la afektecon de la sentemo kaj de la karesaj manieroj, eĉ kapfrapas kontraŭ la senvivaj objektoj, kaj sin portas kontraŭ la ŝrankoj kaj la muroj imitante la arkadiajn paŝtistojn enamiĝintajn kiam ili rezonas kun la arboj kaj kun la luno aŭ pretendas kortuŝi la ŝtonojn. Sed en la fundo de la animo ĝi estas nesentema kun ĉiuj, ne kapabla fari la plej malgrandan aferon eĉ al kiu ĝin nutras; ĉar ankaŭ por la mastro, ĝi konservas bonajn ungoskrapadojn, pageblajn ĉe vido, se ĝi estas ĝenita en momento de malbona humoro. Eble en ĝi pro troeco da inteligentaj kapabloj ne restas plu loko por la koro; fakto estas ke ĝi forlasas ĉiun senton de vera amikeco kaj dankemo kaj sekve ĝi feliĉe liberiĝas de ĉiu ajn devo.

Malsame ol ĉiuj aliaj bestoj, al kiuj la homo nenion donas se nenion ricevas, la Kato postulas kaj ricevas ĉion de vi senpage, kaj sen deviga interŝanĝo de ia ajn bonfaro. Vi nekontraŭargumentu ke ĝi purigas la domon de la musoj: tiu ĉi estas laboro kiun ĝi faras por sia utilo, por sia amuzo, ne ordonita, ne komandita, ne minacata se ĝi pensas liberiĝi de ĝi: kaj vere estas multaj mallaboraj katoj kiuj ne sin okupas eĉ pri tiu ĉi negoco — kio efektive estas puŝi la filozofian mallaboremon ĝis lasta grado; kaj ĝi povus apenaŭ esti komparata al tiuj riĉuloj kiuj ne volas sin okupi pri io, ne eĉ vojaĝi, ne eĉ rajdi, ne eĉ ĉasi, kiuj fine vivas nur por pasigi la vivon.

De la diversaj rimarkoj faritaj, estas evidente konjekti ke la Kato estas pli bona ol ni ankaŭ en la malvirtoj (ĝi havas tro multe da talento por ne posedi da ili, kaj por ne havi ilin bonegaj kaj perfektaj). Pro tio, ĉar oni devas ĉion bone fari entenante la malbonon, tiel mi estas preta proponi al vi ke, se jam vi eĉ ne volas ĝin imiti en iu virto, ĉar al tio ne estas inklina nia malbona naturo, almenaŭ vi konsentos ĝin imiti en la malvirto; kaj vi trovos ke tio ankoraŭ estos la malplej granda malbono. Ĉu oni povas esti pli diskreta kaj alloga en peto kiu eĉ havas la ŝajnan ĉarmon de la nemoraleco? Sed unu sola ekzemplo sufiĉos por min pravigi. La Kato ŝatas ebriiĝi, kaj avide provizas al si ĉi tiun plezuron por kreskaĵeto, la *Fenorium maro* dirita pro tio Katherbo.

Ĝi do, kiam, ĝi povas havi da ĝi, gustumas sufiĉe da ĝi kaj tio tiel ekscitas ĝiajn cerbajn nervojn, ke, forlasinte ĉiun bonmanieran sintenadon, li maltrankviliĝas, saltas, kuras kaj kunruliĝas sur la pavimo. Sed post malmultaj minutoj de tiel plezuriga sendanĝera ebrieco, tiu sensenca maltranvilo ĉesas kaj ĝi revenas al siaj pli saĝaj kaj trankvilaj kutimoj. Nu ĉu tio ĉi ne estas milfoje pli bona ol la bestiĝo per la opiumo de la Mahomedanoj, aŭ per la vino de la Kristanoj? La ebrieco de la homo estas ja fruktoporta de teruraj efikoj. Ĝi malakrigas la talenton, perdigas ĉiun laborvolon, malbonigas la sanon, mallongigas la vivon. Kaj ankaŭ en la plej senperaj konsekvencoj kia estaĵo kompatinda fariĝas la ebriulo! aŭ li fariĝas bestece inklina al la batiĝoj aŭ liberigas la langon por ke ĝi diru la plej strangajn malspritaĵojn kiuj igas lin mokaĵo de tiuj tiuj lin aŭskultas, aŭ ankaŭ pli malbone, li malkaŝas al iu ajn la plej kaŝitajn kaj ĵaluzajn sekretojn de la animo. Se iu ebriemulo min aŭskultas, per dia kompato, li klopodu estonte ebriiĝi laŭ la maniero de la Kato, al kiu neniam okazas iu el tiom da ĉagrenoj.

Tie ĉi ni pripensu momenton pri la socialaj maljustaĵoj. Estas konfesinde ke tia respektinda besto ĝenerale ne ĝuas la altan estimon kiun ĝi ĉiam sciis meriti. Tio realvokas al la memoro tiun proverbon, ke neniu estas granda antaŭ la okuloj de sia servisto. Ni ĉiuj servas, kaj sen profito, al la bezonoj, al la komfortoj, al la plezuroj de la Kato, kaj ĝis ĉi tie la afero marŝas bone: sed la forto de la kutimo kaj de la intimeco sekigas la senton de la entuziasmo: *ab assuetis non fit passio*. Tamen la proverbo pli bone alfarita el nia okazo estas la alia: *nemo propheta in patria*. Nu, la Kato estas kosmopolita, ĝia patrujo estas ĉie; kaj eĉ en tio ĉi ĝi similas al la homoj altegaj kaj tute esceptaj kiuj estas postulitaj de la tuta homaro kaj pri kiuj mi emfaze diras ke ili havas la mondon kiel patrujon.

Amikoj, ni konkludu. Por enteni en formulon fortan kaj kompaktan la tutan admiron ŝulditan al tiel nobla besto oni devas diri: « se mi ne estus homo mi volus esti Kato ». Sed al vi ne ŝajnu ke tiaj vortoj estu plagiato de tiuj aliaj famaj: » se mi ne estus Aleksandro, mi volus esti Diogeno »; ne, Nie interne vi sentas la flatemulon malhumilan kaj malaltan kiu montras sin mem kiel unuan viron sur la terglobo, kaj donas la duan lokon al tiu malbona freneza filozofaĉo, tiel ke Aleksandro estus vere meritinta fariĝi Diogeno kiel puno de tiel senhonta mensogo. Sed nia ideo estas multe pli justa kaj sincera kaj eĉ pro tio ĝi ne havos la ŝancon pasi kiel oraklo al la plej malproksima posteularo, same kiel la alia.

Nun, iu povus demandi kun filozofa sagaceco « Sed ĉu vere la Katon, la solan Katon devas simili por esti feliĉaj? Ĉu ne estus pli oportune en la jarcento de la klereco esti talentofleksеblaj simioj aŭ serpentoj rampantaj, vulpoj trompantaj, letargiaj marmotoj aŭ gloraj azenoj? » La demando estas grava, kaj por inde respondi oni bezonas verki libron. Nun mi limiĝas diri, ke ĉar mi elektis ĉi tiun fojon la Katon, ŝajnis al mi laŭkonscience glori ke ĝi estas la plej bona modelo de la vivarto kaj pro la bono de la homaro mi ĝin proponis al vi; sed se mi komencos skribi la biografion de iu alia besto, estas verŝajne ke mi ŝanĝos opinion ĉar, estu dirite kun la konvena modesteco, ŝanĝi opinion estas eco de la saĝulo. Ho vi, kiuj en amo, en amikeco, en literaturo, en moralo en ĉiuj ajnaj homaj aferoj scias ŝanĝi ĝustatempe kaj ĝustamezure, rimarku bone ĉi tiujn miajn vortojn, kiujn mi volas ripeti latinlingve por ke ili taŭgu kiel aŭtoritata teksto en la multnombraj okazoj ilin uzi. La firmeco kaj la senmoveco estas virtoj de la montoj kaj la obstino estas la plej malbela malvirto de la stultuloj: sed la honestaj personoj estas ŝanĝemaj: *sapientis est mutare consilium*. Mi do ripetas ke mi hodiaŭ havas la firmegan nealmiliteblan, eternan konvinkon ke al ni konvenas esti Katoj: konsentite ke en la unua okazo mi povu decidi ĉu ne estus pli konvene esti kameleono aŭ papago, azeno aŭ bovo, precipe kiam oni traktas de la grasa bovo aŭ de la ora azeno.

FINO

Tradukis A. TELLINI

Por difini vojaĝplanon, plej bone estas skribi al la Del. de U. E. A. Oni ricevos tre utilajn informojn pri ekskursoj farindaj, hoteloj, k.t.p. Fine, oni ne forgesu mendi de la Centra Oficejo de U. E. A. kolekton de gvidfolioj kaj kunporti la lastan eldonon de la Oficiala Jarlibro de U. E. A. (30 Sd., 15 majo 1910).

**Aliĝoj.**

Ni petas, ke oni rapidigu al ni la sendon de la aliĝiloj (3 Sm. por kongreskarto; 1 Sm. por helpkongresa karto), por eviti al ni amasigon de laboro en la lastaj tagoj. Ĉiuj mendoj de kongreskartoj nepre devos esti akompanataj de la responda monsumo.

∴ La helpkongresanoj, jam aliĝintaj, kiuj dezirus partopreni la Kongreson, sendu la sumon da 2 Sm. Ili interŝanĝe ricevos sian kongreskarton.

∴ Ni rememorigas, ke la karto de kongresano estas necesa por partopreni je la ekskurso al la reĝaj kasteloj de Neuschwanstein kaj al la diversaj dumkongresaj festoj. Ni ankaŭ konsilas la mendadon de la kuponaroj, kiu ebligas loĝadon kaj manĝadon je malkaraj prezoj, sen klopodo de la kongresanoj.

**Vesperfestoj.**

La samideanoj, kiuj volonte partoprenus ĉe la lunda vesperfesto per deklamaĵo, muzikaĵo aŭ kantaĵo estas tre petataj sin konigi al ni kiel eble plej baldaŭ. Por doni al tiu vesperfesto plej internacian signifon, ni tre esperas, ke niaj diverslandaj amatoroj bonvolos alporti sian helpon por tiu festo, kiu havas familian karakteron.

**Postkongresa Ekskurso en Munheno.**

La programo de tiu postkongresa ekskurso, en kiu partoprenos tre certe preskaŭ ĉiuj kongresanoj estas nun fiksita. Laŭ ĝi, ĵaŭde kaj vendrede (4-5 Aŭgusto) estos vizitoj de la urbo Munheno kaj ĝiaj mondfamaj muzeoj, k. t. p. Sabate 6. Aŭg. vizito de « ekspozicio », dimanĉe 7 Aŭg. ekskurso al la pentrinda Starnberger-Lago kaj laŭvola ĉeestado ĉe la prezentado de la Kristsuferado en Oberammergau. La detalo de tiu programo estos konigata dum la kongreso. Oni povos enskribiĝi en Augsburg.

Aliparte estos aranĝata speciala ekskurso por la kongresanoj de T. E. K. A. tra banlokoj de Bohemujo kaj suda Germanujo.

**Propagando.**

Dank'al la preta artikolo sendita al niaj del. por la loka gazetaro, tre multaj ĵurnaloj raportis pri nia kongreso. Por ke nia kolekto estu kompleta, ni tre petas niajn Del., ke ili bonvolu sendi al ni unu ekz. de ĉiuj artikoloj en kiuj aperis artikolo pri la Aŭgsburga kongreso, se ili tion ne ankoraŭ faris.

Tuj post la kongreso ni uzos la saman proceduron por konigi ĝiajn rezultatojn.

∴ Ni dankas la Esperantajn gazetojn, kiuj bonvolis favore raporti pri nia kongreso.

∴ Al ĉiuj petantoj ni sendos provizon de kongresaj aliĝiloj.

∴ Ni instigas niajn Del. aŭ, se ili ne venas, la Esperantianojn ĉeestontajn je nia kongreso, ke ili proponu al la gazetoj de sia loko kelkajn korespondaĵojn pri la kongreso de U. E. A., ĉar tio povas esti utila propagando por nia Asocio.

**Grava Avizo.**

Ni atentigas, ke ni sendas al la aliĝintoj nur kongreskarton kaj kvitancon, sed ne la kuponaron.

La kvitanco devos esti prezentata ĉe la akceptejo en Augsburgo kaj interŝanĝe la kongresano ricevos sian kuponaron kaj kongresajn dokumentojn.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

## *OFICIALA INFORMILO*

### ADMINISTRA FAKO

*Diversaj avizoj.*

∴ La balotado de la *Distriktaj Delegitoj* ĵus komenciĝis.

∴ Kune kun la *Oficiala Bulteno* (nº 7) estas sendata al ĉiu Del. provizo de *Gvidilo de l'Esperantiano*. Tiu ĉi gvidilo celas liveri al ĉiuj niaj membroj la plej urĝajn informojn pri U. E. A., ĝia organizo kaj ĝiaj servoj. Tiu gvidilo devas esti donata de la Del. al ĉiuj Esp.-ianoj. La membroj, kiuj ne ricevus ĝin, postulu ĝin de sia Del.

*Novaj Delegitoj.*

Ĝis la 20 junio, la jenaj Delegitoj estis elektitaj:

Arcueil (Parizo, Franc.) — S-ro A Dauphin, 12, rue Nouvelle du Parc (Subdel. dependa de Paris).

Baez (Kubo). — S-ro R. Crespo, instruisto (Subdel. dependa de Santa Clara).

Bayreuth (Bavarujo). — S-ro D-ro A. Kurz, Karlstr. 12.

Boulogne-sur-Seine (Parizo, Franc.) — S-ro G. Chautaz, 11 bis. Chaussée-du-Pont (Subdel. dependa de Paris).

Cassel (Sud.-Okc. Germanujo). — S-ro J. Ameln, Dir. Berlitz School, Konigstr. 21.

Clamart (Parizo, Franc.) — S-ro Robert Jourvain.

Essen-Rhur (Okcid. Germanujo). — S-ro F. Pillath, c/o Firmo F. Krupp.

Ithaca (Orienta Usono). — S-ro D-ro H. B. Besemer.

Koze (Danujo). — S-ro N. Moesgaard, instruisto (Subdel. dependa de Kopenhago).

Konstantinoplo (Turkujo). — S-ro R. Glandeck, inĝeniero, Galata, Germana poŝto, 154.

Luhaĉovice (Moravio). — S-ro D-ro H. Ŝipek.

Munster (Okc. Germanujo). — S-ro R. Kracht, Burgstr. 6.

Palafrugell (Orient. Hispan.) — S-ro P. Kal, 11, Animas (Subdel. dependa de Gerona).

Polska Lutynia (Silezio, Aŭstrio). — S-ro F. Skalina, instruisto.

Przemysl (Galicio). — S-ro J. Tracz, Str. Wegierska, 66.

San Feliu de Guixols (Orient. Hispan.) — S-ro F. Vivez., May, 27 (Subdel. dependa de Gerona).

Santa Clara (Kubo). — S-ro A. Garcia Fernandez, 46, Luis Estevez.

Santiago de Cuba (Kubo). — S-ro D. Balaguer, libristo, Saco Alta 15.

San Pier d'Arena (Nord-Okc. Italujo). — S-ro E. L. Rondini (Subdel. dependa de Genova).

Seaûve (Sud. Or. Franc.) — S-ro J. Guichard (Subdel. dependa de Firminy).

Spezia (Nord Okc. Italujo). — S-ro H. Wichtendahl, Via Mazzini, 3 (Subdel. dependa de Genova).

Tarnopol (Galicio). — S-ro M. Jurkow.

Veile (Danujo). — S-ro M. Packness, Pilestrœde.

Zmigrod (Galicio). — S-ro J. Sjpunar, Advokato.

Zaleszczyki (Galicio). — S-ro Franc. Bienkowski.

Entute 912 lokoj.

ŜANĜOJ. — Bealiba : La Del. estas nun S-ro C. Jenkin.

Huy : La Del., S-ro Landenne, loĝas nun rue l'Appelée 14; la Vicdel. estas S-ro Destatte-Hubert, Malhavez, Vierset Basse.

Melbourne : La Del. estas nun S-ro Gerald Whiteford, Lamington, St Kilda Rd.; la Vicdel. estas S-ino Harrison, Charlotte Place, St.-Kilda.

Nijni-Novgorod : La Del. estas nun S-ro A. Lebedinskij, Studenaja ul., d. Rosovoj, 64.

Paisley : La Del. estas nun S-ro David Temple, Calside Avenue.

Remiremont : La Del., S-ro Villemain, loĝas 18, rue Maldoyenne.

Stirling : La Del. estas nun S-ro R. J. Mac Laren, 64, Port St., c/o The Charing Cross Bank.

*Citoj.*

34. S-ro de Hosson, Del. de Dordrecht, Nerespondo al informpetoj, nek al oficialaj leteroj (1ª cito).

29. S-ro Kastl, Del. de Fiume. Nerespondo al informpeto; nesendo de raporto (2ª cito).

30. S-ro Chevrot, Del. en Bourg. Nerespondo al informpeto nek al oficialaj leteroj (2ª cito).

*Eksigoj.*

28. S-ro Hulten, Del. en Malmo, ne respondinte informpetojn, nek oficialajn bultenojn, nek avertilojn, estas konforme al § 12 forstrekita el la listo de niaj Del.

### KOMERCA FAKO

*Ekspozicio en Augsburg.*

Dum la Kongreso de Augsburg estos aranĝata ekspozicio de Esperantiaĵoj (grafikoj, kartoj, gvidfolioj, prospektoj, k. t. p.) Ni petas, ke por ĉi tiu ekspozicio oni bonvolu sendi al ni minimume tri ekz. de ĉiuj Esperante redaktitaj *prospektoj, katalogoj, prezaroj; gvidfolioj*, k. t. p. Ĉi tiu materialo estos poste uzata por aliaj ekspozicioj.

Plie ĉiuj Esperantiaj Entreprenoj, kiuj deziras disdonigi siajn prospektojn dum nia kongreso, estas petataj sendi al ni provizon da ili antaŭ la *20ª de Julio.*

*Komercaj Mono-prospektoj.*

En la celo faciligi al la Esperantiaj komercistoj la disdonigon de iliaj vendaĵoj kaj la uzadon de nia reklama servo, la komerca Fako de U. E. A. de nun prizorgos la eldonadon kaj disdonadon de komercaj prospektoj, laŭ la Mono-formato kaj konforme je la sekvantaj kondiĉoj:

1º Ĉiu prospekto devos esti laŭ Mono-formato (11 1/2 cm.×16 1/2) tre precize je unu aŭ pluraj folioj.

2º U. E. A. prenas sur sin la presadon de tiuj prospektoj je la prezo de 6 $ por milo kaj folio. Ili ankaŭ povos esti presataj ie ajn, kondiĉe ke la manuskripto estu antaŭe sendata al U. E. A. (rilate al la lingva korekteco kaj klasifiko).

3º El ĉiu kvanto, U. E. A. ricevos minimume 500 ekz., kiujn ĝi disdonos senpage al la petantoj kaj al la Delegitoj partoprenantaj en la reklama servo senpage kondiĉe ke la pezo ne superu 20 gramojn.

4º La komercistoj, kiuj dezirus disdonigi pli grandan kvanton, povos tion fari pagante la tarifon fiksitan en paĝo 41 de la Oficiala Jarlibro. Ili ankaŭ laŭ tiuj kondiĉoj povos disdonigi prospektojn ne eldonitajn laŭ Mono-formato.

5º U. E. A. prenas sur sin per siaj diverslingvaj tradukistoj la tradukadon de ĉiuj prospektoj el nacia lingvo Esperanten. Tiu laboro estas senpaga por unupaĝa prospekto. Por pli grandaj tradukoj oni rilatu kun la Centra Oficejo de U. E. A.

La Mono-formato estas speciale konsilinda, ĉar ĝi permesas facile bindi diversspecajn prospektojn kaj ilin kunporti. Ni senpage sendas specimenon de tia komerca prospekto al ĉiuj petontoj.

# Esperantianoj !

**Ĉiam memoru ke, kiam vi petas servon de Delegito de U. E. A. vi devas skribi sur internacia respond-poŝtkarto aŭ sendi markon aŭ kuponon por la respondo.**

# Esperantiaj Informoj

**Bruselo** (Belgujo). — En la ĉefurbo de Belgujo okazas nun grandega universala Ekspozicio. Ĝi estas eble la plej bela kiun oni iam vidis. Ĉiuj landoj estas reprezentataj kaj iliaj montrejoj konkuras je beleco kaj lukso.

Multnombraj estas la fremdlandaj vizitantoj kaj ilia nombro kreskos ankoraŭ dum la venontaj monatoj. Pro tiu amaso da vojaĝantoj, malĝuste informitaj personoj disrakontas ke la prezoj en la hoteloj iĝos altegaj. Tiuj bruoj estas nur iomete kredindaj por la plej konataj el ili.

Kontraŭe, ekzistas oficiala informejo kie ĉiu persono povas ricevi bonegan ĉambron ĉu en hotelo ĉu en privata domo, je la prezo kiu konvenas al ĝi.

Tiu oficejo staras sur la « place de la Bourse » kaj estas en konstantaj rilatoj kun la loka Delegito de U. E. A , kiu volonte sin proponas kiel interligilo inter la Esperantianoj kaj ĝi.

La Del. estas S-ro F. Mathieu kaj loĝas 49, Marché-aux-Poulets.

**Cartagena** (Hispanujo). — En ekskurso farita de ĉitieaj Esp-ianoj al la urbo La Union, S-ro Martinez, nia fervora Del., faris sukcesan paroladon pri U. E. A.

**Firenze** (Italujo). — Aro da Bulgaroj, inter kiuj troviĝis multaj Esp-ianoj, travojaĝis Italujon kaj speciale haltis en Firenze, kie la Del. aranĝis bonegan akcepton kaj festenon. Paroladis S-roj Kazanĝiev kaj Venev, el la Bulgaroj. La vizitantoj estis tre kontentaj pri la servoj kaj sendas siajn plej korajn dankojn al la Firenza Esp-ianaro.

**Kristiana** (Norvegujo). — La Del. S-ro Klinzenberg, eldonis bonan flugfolion por rekomendi aliĝon al U. E. A.

**Parizo** (Francujo). — S-ro Robert, Del. de U. E. A., informas nin, ke sur la gvidfolio tra Paris, eldonata de la grupo « Verda Stelo », estis erare enpresita la mencio « publikigata sub la aŭspicioj de U. E. A. »

**Saint-Etienne** (Sud-Orienta, Francujo). — Okaze de la bela kongreso de la Esp. Rodana Federacio, okazis sukcesa kunveno de la Esperantianoj de tiu distrikto, sub la prezido de S-ro H. Hodler. Komence, S-ro Gabert, legis interesan raporton pri la situacio de U. E. A., en la distrikto. Poste S-ro Hodler donis informojn pri la Augsburga Kongreso, atentigis pri la rolo kaj utileco de la distrikto kaj respondis kelkajn klarigojn. Sekvis interesa interŝanĝado de ideoj, kiu klare montris la utilecon de tiuj distriktaj kunvenoj.

**Ciechocinek** (Polujo). — La 12-an junio okazis ĉi tien kunveturo, organizita sub la aŭspicioj de la Turisma Fako de U. E. A. Partoprenis diverslandaj samideanoj en la nombro de 60 personoj. Gastojn kondukadis tra Ciechocinek. nia Varsovia Vicdel. kaj konsulo Frank Sandecki.

Interalie ĉeestis : nia estimata Majstro kun edzino, nia konata verkisto inĝ. Anton Grabowski, adv.-red. Leo Belmont, nia komitatano D-ro M. Kandt kun lia sekretariino F-ino Luise Frost, D-ro L. Chybczynski, inĝ. Szymanowski, esperanta poeto Miecz Czerwinsqi, sekretario Czarnowski, fervojisto, Michel Wojciechowski, k. t. p. Dum la tagmanĝo paroladis : Majstro, Kandt, Belmont, Grabowski, Szymanowski, Chybczywski. Oni alsendis kelkajn telegramojn. Fine ĉiuj ekkantis « En la mondon... »

**Munchen** (Bavar.) — Fondiĝis en Munheno Esp. Oficejo (Turkenstr.) Ĝi enhavas jenajn sekciojn: informejo por fremdaj Esp.-ianoj; Oficejo de U. E. A. (plene organizita); sidejo de U. S. U. (studentoj ricevas informojn); centra Oficejo de la Germana federacio de junaj Esp.-istoj; vendejo; filio de la centra komercejo por Esperantujo; Esp.-lernejo, kursoj; biblioteko: tradukejo; k. t. p. Estas ankaŭ leterfako: se oni deziras viziti Munhenon oni povas venigi ĉiujn leterojn al la Esp.-Of.

La informejo havas specialan oficejon en la Munhena Ekspozicio, malfermata de majo ĝis oktobro.

Ni deziras bonan sukceson al tiu imitinda entrepreno.

**Peruwelz** (Belgujo). — La 4, 5, 6 sept. okazos tie konkurso de motora kulturo, organizota de la Internacia Societo de Terkultura Aŭtomobileco.

Okazos : 1º Ekspozicio de ĉiusistemaj motoroj ; 2º Eksperimenta laboro de aŭtomobilaj falĉiloj, plugiloj kaj rikoltiloj.

Unuafoje tia konkurso okazos en Belgujo samtempe okazos en Péruwelz, terkultura provinca ekspozicio; oni petu informojn al la Del.

**Leipzig** (Saksujo). — La tiea esperantia grupo « Universo » en sia lasta konsila kunveno, la 3 junio, decidis ankaŭ nun vendigi « Esperanto » en ĉiuj stratoj gazetvendejoj de Leipzig, por pliprogresigi per ĝi Esperantion. Stampo dulingva sur ĉiu gazeto sciigos la aĉetantojn kaj travojaĝantojn pri la kunvenoj de la grupanoj kiuj antaŭ nelongtempe ankaŭ eldonis gvidfolion. Ĉiu Leipzig'a esperantisto senĝene nun povas informi sin pri la movado de Esperantio

**Coimbra** (Portugal). — S-ro Elysen faris sukcesan paroladon pri U. E. A. kaj S-ro Leite pri Esperanto ; kurso sekvis.

**Liverpool** (Anglujo). — La vojaĝantoj tra Liverpool al la Sesa estas petataj informi la Del. pri la dato kaj horo de sia alveno tien ĉi kaj la nomo de sia vaporŝipo, por ke la tieaj Esp.-ianoj akceptu ilin — kion ili deziras fari kun la jam tradicia entuziasmo de la samideanoj. Del. : G. D. Lewis, 5, Fenwick St.

# Esperantia Parolejo

### Respondkuponoj kaj Esperanto

En la februara numero de « Dana Esperantisto » S-ro Ad. B. Hansen raportas pri la intencita uzado de stampilo, por presi sur la respondkuponojn jenan sciigon :

« Tiu ĉi kupono estas ŝanĝebla kontraŭ poŝtmarko de 25 centimoj aŭ la egalvaloro en la landoj, kiuj adoptis la aranĝon. »

Per tia sciigo oni celas atentigi la poŝton pri la dezirindeco, ke la respondkuponoj montru tekston ankaŭ en Esperanto, post kiam oni jam rifuzis oficiale surpresi similan tekston. Ne povas ekzisti dubo, ke la respondkuponoj altvaloras ĝuste por ni, esperantistoj, kaj ke ni verŝajne plejmulte uzas ilin ; aliflanke ja estas certe, ke tia surpreso signifos kvazaŭan oficiiligon de nia lingvo kaj ankaŭ pro tio estas dezirinda. Oni nur povas dubi, ĉu la proponita de S-ro Hansen vojo estas irebla. Certe — atentigi la poŝtadministraciojn pri la neceseco de la aludita teksto ankaŭ en Esp., ja estas celinda. S-ro Schwaiger, Del. el Koenigsberg, jam proponis, ke ĉiu Esp.-isto skribu rekte al la centra poŝtestraro internacia pri ĉi tiu afero. La propono de S-ro Hansen ŝajnas al mi ne efektivigebla, almenaŭ ĉe ni en Germanlando. Ĉar okazos, ke la poŝto ne akceptas plu la stampitajn kuponojn kiel plenvalorajn. Se ekzemple mi gluas sur leteron poŝtmarkon, kiu montras inkostrekojn aŭ similaĵon tra la bildo, la poŝtmarko ne valoras piu ! Kaj la internacia respondkupono devas esti kondiderata laŭleĝe kiel poŝtvaloraĵo simila al poŝtmarko. Oni ne devos miri, ke la stampita kupono ne estos akceptata kaj ŝanĝata de la poŝtoficejo. Povas esti, ke la stampskribo ne senvalorigas la kuponon laŭ la opinio de la diversaj poŝtestraroj, kiel en Germanujo ja ankaŭ ne senvaloriĝas poŝtmarko, kiu montras malgrandajn truetojn formantajn literojn. Ĉi tiuj literoj estas la signoj, plej ofte la komencliteroj de l'nomo de iu firmo. Nu — interkonsentite estu, ke la stampo ne senvalorigas la kuponojn, kiu atentos pri ĝi? Laŭ la ordo de la farotaj laboroj nur oficistoj, kiuj ne formas la influhavan estraron! Kaj ke la nekonataj de la oficistoj vortoj en Esperanto same nekonata instigos al speciala raporto, ĉi tio tute ne estas certa. Do povas okazi, ke malgraŭ ĉia stampado nenia efiko montriĝas. Certe oni povas provi : ĉiu fortikaĵo devas esti atakata per diversaj iloj. Sed oni pripensu jenon : Ekzistas laŭ mia scio en ĉiuj landoj jam nun institucioj, kiuj prizorgas komercajn aferojn, t. e. helpas al la plifaciligo kaj disvastigo de la komercaj enkaj eksterlandaj interrilatoj. Ĉar la poŝto ja havas la devon, bone priatenti la eble eldiratajn dezirojn de ĉi tiuj institucioj, ŝajnas al mi sukcespromesa entrepreno agadi laŭjene : La esperantistaj asocioj en la diversaj landoj klopodu interesi la aluditajn instituciojn pri Esperanto ĝis tia grado, ke la rilataj institucioj esprimu al la naciaj poŝtestraroj la deziron pri esperantigo de l'respondkupono. Samtempe la nomitaj institucioj skribu al la centra poŝtestraro universala (en Bern). Laŭ mia opinio ne havos influon, se esperantistoj esprimus la deziron. La poŝto sekvas la praktikon kaj pli volonte obeos la voĉon, kiun laŭtigas praktikhomaj — laŭ oficiala scio ! — rondoj, ol ĝi prizorgos la dezirojn de ankoraŭ ne sufiĉe konataj unuiĝoj, kiuj havas nur idealajn celojn. Pri la praktika bezono de esperantigitaj respondkuponoj decidos la praktiko helpata de sufiĉe gravaj argumentoj, kiuj eliras el jenaj rondoj, kiuj havas la oficiale rekonitan rajton pri tiaj praktikaj bezonoj ; la esperantistoj ankoraŭ ne estas oficiale rekonitaj !

Arnold Behrendt,
*supera poŝtpraktikanto.*

∴

La Oficejo de la Poŝta Unio en Bern, demandite de ni pri tio, opiniis, ke la Esp. surstampado de la respondkuponoj ne povas esti malpermesata, kondiĉe ke la surstampita teksto estu ekzakta traduko de la presita.

Ni devas aldoni, ke tiu demando ŝajnas al ni malgrava : ni unue zorgu, ke la homoj kiuj sin diras Esperantistoj vere uzu Esperanton kaj per tio fariĝu grava sociala forto. La Esperantigo de la kuponoj kaj multe da pli gravaj aferoj estos nepra konsekvenco. Ni ne komencu per la fino...

(Red.)

# VARIETEA MONDO

### Novaj Konsuloj

Nord Ameriko : Savannah, S-ino E. Esther Owen, 15, Perry East.

Italujo : Bologna, D-ro A. Tellini, Vallesura, 11.

Hispanujo : Madrid, S-ro Salvatoro Mugica, Leŭtenanto, Covadonga, 40.

Holandujo : Rotterdam : F. H. van Twisk, Boompjes, 70 c.

P. I. Swinkels, Houttnin, 27.

Rusujo : Melitopol : V. A. Krjuĉkov.

∴

*Al niaj membroj kaj konsuloj.*

La 20. junio okazis en Berlino la ĉitiujara ĉefkunveno de nia ligo kaj vespere granda Esperanta-Varietea prezentado en la plej granda Berlina Varietea-teatao Apollo. Pro manko da tempo bedaŭrinde ni nur povos raporti pri ĉi-tiuj gravaj okazintaĵoj en la plej proksima numero.

∴

Dum la kongreso de U. E. A. en Augsburg nia ligo, aranĝos kunvenon de l'ligo-konsuloj. Eminentaj samideanoj estas pretaj raporti pri jenaj temoj :

1º Kiamaniere konsulo de V. E. L. povas propagandi en varieteaj rondoj senpene kaj sen oferi tro multe da tempo?

2º La V. E. L. kaj ĝia signifio por la esperantismo.

3º La instruado en la V. E. L.

La detalaĵojn pri ĉi-tiu kunveno kaj la nomojn de l'paroladantoj ni publikigos en la plej proksima numero.

La Oficejo.

# ESPERANTIA VIVO

**Edziĝoj.**

Ni plezure eksciis la edziĝon de S-ro Paul Blaise, komitatano de U. E. A. kun F-ino M. L. Jones, eks- Delegitino de U. E. A. en Liverpool. Niajn sincerajn gratulojn.

F-ino Fernand Blangarin, Esp.-iano en Paris, kun F-ino Marcelle Foirest.

∴ La 11 junio okazis en Bègles apud Bordeaux la geedziĝo de Sº Ed. Marcelé, Esp.-iano, prof. diplomita de E., komitatano de l'grupo loka kun F-ino J. Bonnal, profesorino diplomata kaj konsulino por virinoj.

Ĉar en « Bègles » kutimo loka volas ke la atestantoj apudestu la geedzojn ĉe l'momento kiam la pastro benas la unuiĝon, estas sub protekto de nia stelo verda ke okazis la geedza beno. Sº Ch. Brunet, Del. de U. E. A. en Bordeaux staris post la edzo kun verda stelo ĉe butontruo. Post la manĝado ĉe l'horo de l'tostoj, li trinkis je la sano de l'geedzoj kaj faras bondez rojn al ili, en lingvo kara al ni. Varmaj aplaŭdoj montris ke la Zamenhof'a lingvo estis komprenita. Kaj oni parolis multe pri edziĝo, pri tostoj, pri Esperanto. Estis bela tago ankaŭ por nia afero!

**Mortoj.**

Ni bedaŭras sciigi pri la morto de Esp.-iano S-ro G. W. Howarth, Prez. de la Grupo Esp. de Rochdale. Li estis unu el la fondintoj kaj instruanto de la vigla Esp. grupo de sia urbo kaj unu el la fondintoj de la Federacio de Lancashire kaj Cheshire.

S-ro Victor Chaumont, el Dijon, 16-jara.

**Libertempo.**

Dum Aŭgusto-Septembro, S-ro M. J. Evrot, Vicdel. Limoges, loĝas villa Perrucon, Pout-d'Hyères, Chambéry (Savoie).

S-ino Ck. Pulvers, Esp.-ianino de Basel, libertempos en sanatorium Monte-Bré, Lugano-Ruvigliano (Svisujo).

En la vilao Esperanto en Wernigerode, libertempis S-ino M. Hankel, D-ro Kandt, D-ro Mœbusz, Del. Lübeck, S-roj J. Borel, D-ro Arnhold kaj Von Frenkell, Esp.-ianoj.

**Vojaĝoj.**

Vojaĝas nun tra la mondo, uzante la servojn de U. E. A., S-ro V. Dufeutrel, Del. en Alger, kaj Parrish, eks.-Del. en Toronto.

∴

Ĉiuj Esp.-ianoj estas petataj kunlabori je tiu rubriko (naskiĝoj, morto, lokoj de libertempo, vojaĝoj).

# INTERNACIA INSTITUTO
## de Esperanto

Ni ĉi sube represas la interesan artikolon de Dro Kandt, publikigitan en la lasta Nº de *Germana Esperanto Gazeto* pri la celado de la Instituto :

En la lasta Nº de Revuo nia samideano Bourlet prave akcentigas, ke inter la organizaĵoj kreitaj kaj plue kreotaj per Esperantomovado la organizaĵoj internaciaj posedas la plej altan gravecon. Estas ja klare, ke ĉe enkonduko de internacia helplingvo por interkomunikado internacia la vidpunktoj naciaj devas resti duarangaj, sen la postulo, ke oni ĉesu esti bona patrioto. Memkompreneble naciaj organizaĵoj ankaŭ estas bezonataj, ĉefe por propagando, kiu nepre baziĝas sur nacia fundamento ; ĉar propagando agitas ne-Esperantistaron, kiu ne posedas konon pri lingvo kaj pri organizaĵoj internaciaj. Tie elemento nacia estas bezonata. Nacia propagando, krom tio, estas direktata al naciaj oficejoj kaj korporacioj, ŝtataj kaj komunumaj, kaj jam pro tio ĝi intime devas adaptiĝi al naciaj institucioj. Sed preterpasinte la teritorion de propagando, de agitado inter ne-Esperantistoj, kiam Esperantistoj nur moviĝas inter si mem kaj adresiĝas sole al Esperantistoj, tiam ne nur estas dezirinde, sed eĉ fariĝas devo, ŝovi reen la vidpunktojn naciajn kaj anstataŭi ilin per la internaciaj. Bedaŭrinde tiu neceseco eĉ en plej kompetentaj rondoj ne estas sufiĉe konata, kaj per tio facile nikiĝas frotadoj, kiuj bone estus eviteblaj, se oni posedus klarecon pri la neceseco mezuri laŭ vidpunktoj internaciaj. Tion alcelas ĉiu klarigado pri taskoj kaj celoj kaj organizado de niaj institucioj internaciaj, kaj rigardante, ke pri Internacia Instituto de Esperanto ofte eraraj opinioj estas disvastigataj, mi sentas la devon, doni ĉi tie desegnaĵon pri la Instituto, esperante, ke per tio mi iomete alhelpos al klarigado kaj per tio al la prospero de nia movado.

« Kion do alcelas la Instituto ? »

Egale kiel konstruo bezonas helpan trabetaron, kaj tamen ĉiu erarus, kiu ĝin opinius konsisteron de la konstruaĵo; egale ni ne juĝu Instituton laŭ ĝia hodiaŭa laboro kiu nur estas helpa trabetaro — sed laŭ ĝia fina celo. Kiel fakulo ekkonas estontan egan kverkon en eta arbeto, tiel nia majstro Zamenhof antaŭvidante ekkonis la ŝancegon de Internacia Instituto de Esperanto kaj esprimis tion per la vortoj, ke li esperas, ke iam la Instituto fariĝu institucio oficala. Ĉar kio estas la ĉefa celo de Instituto? Kiu estas la grandega ideo, reprezentata de junulo Privat, kaj espereble atingebla por li mem, eĉ se nur dum plipostaj vivjaroj? Ne estas alia, ol rekreado de mezepoka universitato vere internacia, kiu tiam nur estis ebla per senescepta regado de lingvo latina. Ni scias, ke dum mezepoko studentoj el ĉiuj nacioj ekzemple fluadis je la universitatojn de, Italujo, por tie studadi sciencon ; sed kiam en plinova epoko universitatoj ĉiulandaj ankaŭ estas vizitataj de eksterlandanoj, la nombro de ili ĉiam nur estas malgranda rompero kaj eĉ tiu nur escepte povas kompreni la ideojn de la plej eminentaj scienculoj. Ĉi tiuj ĝenerale estas devigataj ĉefe prezenti siajn tezojn al la anaro de sia propra nacio. Kiel alie estus, se ekzistus universitato internacia, je kiu la plej eminentaj intelektoj de plej diversaj fakoj sole per unu komuna lingvo povus paroli al la studantoj el plej diferencaj nacioj. Krei tian universitaton, por kiu Svisujo preskaŭ de naturo mem ŝajnas destinata sidejo, tio estas la vivocelo de juna Privat, celo ne nur aprobinda flanke de la Esperantistoj de akademia klereco sed de tuta la Esperantistaro. Entrepreno de tia alta celo, kiu volas krei plej eminentan faktoron de kultura vivado, tiu fakte meritas plej efikan kaj plej vastan alhelpon, eĉ se oni estus devigata al kelkaj oferoj. Kaj kiom saĝe procedas Privat por atingi la celon ! Malgraŭ sia junula aĝo li ne kuregas antaŭen senhalte kaj senpripense aŭ klopodas eldevigi tion, kio nur estos ebla kiel rezulto post longaj preparadoj ; ĉar ankoraŭ unuflanke mankas la junularo studanta, aliflanke sufiĉa nombro de personoj, kiuj estus kapablaj instruadi ĉe tia universitato. Al kiu tia celo ŝajnas utopio, li pripensu, ke eĉ Esperanto estis rigardata kiel utopio de multaj personoj. Ho ne, paŝon li sekvigas post paŝo, kaj laŭ tio li komencigas per organizado de kursoj kaj ekzamenadoj de supera grado dum kunvenoj esperantistaj. Pro tio oni legas en la prospekto dissendata de Internacia Instituto de Esperanto p. II, alineo 7 :

Ekstarigi internacian Esperanton-universitaton, komencante per organizo de someraj kursoj kaj ekzamenkunsidoj okaze de esperantistaj kunvenoj kaj speciale de l'universalaj kongresoj de Esperanto.

Dro M. Kandt.

BOHEMA SPORTKLUBO en Brno, akceptinte Esperanton, petas ĉiujn fremdajn sportklubojn, kiuj simpatias kun Esp. komuniki al ĝi adresojn aŭ event. la staton de la sporto en sia urbo. Skribu al O. Wopelka, Františka Josefo 5/1, Brno (Moravio, Aŭstrio).

ESPERANTA STENOGRAFISTO KAJ KORESPONDANTO deziras oficon en Eŭropo. Tre rapidskriba. Holger Madsen, Levring, Kjellerup, Danujo.

ESPERANTIANO, S-ro J. Makara, Jawornik. Połoki, nia Przeworsk (Galicio, Aŭstrio), petas Esp-ianojn pri informoj el ilia lando koncerne religio, komerco, industrio, arto, sciencoj, naturo, geografio, pedagogio, k. a.

PARIZA familio Esper. deziras *nefrancan* servistinon por hejmaj laboroj. Ges-oj Colas, 10, rue Béranger, Paris, Francujo.

SESA KONGRESO. — Mi kaj mia edzino volas gastigi (kompreneble senpage) vizitonton al la Sesa el Eŭropo prefere ne Angleparalanto. Mi loĝas ne malproksime de Waŝington, en interesplena parto de Usono. Sendu portreton kaj proponon al S-ro H.-S. Ehrhart. N-o 108, Stock St. Hanover, Penna, U. S. A. Norda Ameriko.

JUNA ANGLO studinte francan lingvon jam de kelkaj jaroj deziras korespondi kun franca samidean(in)o nepre bona Esper. kaj se eble Universitato Studento), kiu same studas anglan lingvon, por reciproke korekti ekzercojn adresu J. H. Hodges, Del. U. E. A., 85, Longhborough Rd., Nottingham, Anglujo.

HULL. — La Delegito estas S-ro A. E. Hepton, 40, Derringham St, Eks.-Delegito F. W. Coulson translоĝiĝis en Skirlaugh near Hull. Korespondantoj bonvolu noti.

SPECIMENOJ. — Mi deziras specimenojn de ĉiuj Esperantaj gazetoj, libroj, fabrikajoj k. c. por propagando. Adresu : S-ino E. Esther Owen, Del. U. F. A., 17, East Perry St., Savannah, G. U. S. A.

LA ESPERANTA INSTRUISTO, ĉiumonata. — Utila por alilanduloj, kiuj samtempe akiras la Esp. kaj anglan lingvojn. Specimeno : 8 Sd. Jarabono : 75 Sd. Oni akceptas p.-markojn, k. t. p. Administrejo : 135, Sellincourt Rd., Londono S. W. Anglujo.

DELEGITOJ! Prezarojn petas Rotterdamsche gereedscharhandel, Nieuwe Markt, 11, Rotterdam, Nederlando. Societo por la vendado de iloj kaj maŝinoj por buĉistoj.

KONTINENTAJ PRODUKTOJ. — Firmo havanta urbcentran kontoron kaj vojaĝiston vizitantan eksportistojn kaj fabrikistojn volas reprezenti fremdajn firmojn A. Beverley and Co, Manchester.

PENSIONO. — Ĝenevo (Svisujo), Villa les Mélèzes, 17, chemin des Chênes. Pensiono por fraŭlinoj, saniga situacio, ellernado de franca lingvo kaj kompletigo de la edukado. Hejma vivado. Prospekto Esperanta ĉe la direktorino. Por pluaj detaloj sin turni al la direktorino.

ŜPARMONO 4 %. — Eldonejo « Esperanto ». Leipzig, Langestrasse, 27, Germanujo.

PENSIONO. — Familio de geprofesoroj ĉe la superaj lernejoj akceptus kelkajn fraŭlinojn en pensiono. Vivo agrabla kaj gaja. Centra hejtado. Ĉarma artista hejmo kun mirinda situacio kaj bonega aero, borde de l'fama Geneva lago (*France*, Esperante, germane, angle). Adr. : S<sup>ro</sup> Vittel, prof. « La Vegnetta ». *Morges* par *Lausanne* (Svisujo). *Esperanta prospekto* laŭ peto.

INDUSTRIA AGENTO posedanta seriozan klientaron, vizitanta orienton, centron kaj sudon de Francujo, proponas sian kunlaboradon al fremdaj firmoj por riprezenti ilin en Francujo.

Proponas ankaŭ deponejon por industriaĵoj aŭ komercaĵoj. Skribi al S-ro Macary, 27 strato Bonnand, Lyon, Francujo.

POR JUNULOJ. — F. L. G. Maréchal, B.-A. Direktoro (Lingva fako), Northern institute, internacia komerca lernejo, prezidanto de Internacia Asocio de Instruistoj, 384, Kingston Terrace, Leeds, Anglujo, akceptas fremdajn junulojn kiuj deziras ellerni la Angl. Lingvon kaj komercajn metodojn. Banejo ; biliardĉambro, fumĉambro, k. t. p. Jare 500 Sm.

PLUMBISTOJ. — S-ro J. Forrestier, 29, Bank st. Aberfeldy (Skotlando) dez. koresp. kun sammetiistoj pri iliaj metodoj.

## Komercaj reklamoj

### ĈAMPANO ESPERANTO

Pro sia bongusto, pro sia natureco, pro sia komerca marko : « La Verda Stelo », tiu ĉampanvino de la firmo Gustave Ivernel ĉe Ay-Champagne, Francujo, speciale taŭgas por kongresoj, festenoj, kunvenoj, k. t. p.

Po 1 botelo : Sm. 1.10, 1.40, 2 laŭ kvalito ; Fr. 2.75, 3.50, 5 laŭ kvalito. La botelo prenita ĉe Ay.

Por mendoj, informoj kaj prezaroj sin turni al :

S-ro WILLERMOZ, U. E. A., N<sup>o</sup> 19 - 44.94.1 ĝenerala riprezentanto por la tutmonda Esperantujo.

*Quai Lunel, 24, Nice, France.*

BLAZONA HERALDIKA INTERNACIA OFICEJO (Piarza S. Croce N-o 8, Firenze, Italujo). — Familiaj blazonoj, genealogiaj arboj, familiaj historioj, heraldikaj nobelaj dokumentoj, Sciigoj pri heraldikaĵoj. Blazonŝildetoj po Sm. 4 (107 fr.) Historietoj pri familioj : Sm. 8 (207 fr.)

### CITROJ

MAX AMBERGER. — Munĥeno, Mullerstr. 8. Reĝa Bavara kortegliveranto. Konstruejo por ĉiuspecaj majstre manlaborataj citroj ; koncert-citroj kun plej forta tono kaj mondkonata plej facila ludebleco kaj kantemeco. La plej belaj citroj de la estanteco. Majstraj gitaroj, liutoj mandolinoj, violonoj, tenejo de memŝpinitaj daŭremaj kordoj.

Illustrita katalogo senpage kaj afrankite ricevebla.

Oni korespondas Esperante!

GRANDA HOTELO DU GLOBE, Paris, 71, rue Monge (apud rue Lacépède). Posedanto A. Leclerc. Proksime stacidomoj Austerlitz-Lyon-Montparnasse kaj Sportoĝardeno Sorbonne-Luxembourg'a ĝardeno. Ĉambroj de 0,80 Sm. ĝis Sm. 2. La gemastroj estas esperantistoj.

CENT DIVERSAJ POŜTKARTOJ Esperantaj por elekti. Mendu prezaron de Eldonejo Esperanto Germanujo ; Leipzig, Langestr. 27.

9 LAMPIONOJ, formante la vorton Esperanto, Sm· 1.50 kaj sendelspezoj. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Langstr., 27.

150 ESPER. POŜTKARTOJ diversaj Sm. 4.50 (100, 3 Sm.). Mendu prezaron. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Langestr., 27.

INTERNACIA PROPAGANDA KORESPOND-POŜTKARTO, seslingve kun belega bildo de nia majstro. Po 10 ekz. Sm. 0.15 ; po 50 ekz. Sm. 0.55 ; po 100 ekz. Sm. 0.90 ; 1000 ekz. Sm. 5.20, afrankite. Oni akceptas ankaŭ poŝtmarkojn ĉiunaciajn, transpagilojn kaj Esp-ĉekojn. *Germana Esperanto-Librejo*, Sternwarte 40, Leipzig, Germanujo.

*La Administranto (Gérant) : DUVAL*

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)

## Ĉampano por Samideanoj

**FRANCA VINO**

*Speciala Marko por Esperantistoj*

Verda Etiketo, Blanka Etiketo

**L. HURINOWICZ**

en **WASSY** (Hte-Marne) Franclando

Agentoj kun bonegaj referencoj estas dezirataj en ĉiuj landoj.

## Okazo ne preterlasinda!

U. E. A. vendas

**Malnovajn ESPERANTIAJN MARKOJN**

(verdaj kun la partreto de D-ro Zamenhof, sur forta papero)

po **1 $ por 250 ekzempleroj**

*(anslataŭ 100), afrankile*

Rekominda propagandilo por niaj Delegitoj kaj membroj

## WÖRISHOFEN

**Akvo kaj Montaerokuracoj**

*(Metodo Kneipp)*

Aero-, suno kaj elektro banoj. Somero, kaj vintrosezono ; 629 m. s. l. m. KLIMATO SUBALPA. Loĝejo kaj flegado je ĉiuj bezonoj, en sanatorio, institutoj, hoteloj, pensionoj kaj vilaoj. 2 horoj de München-Augsburg. Nombro de fremduloj en 1909 : 9311 personoj. Prospektoj kaj informoj per la KURVEREIN.

## Libertempo

agrabla, malkara, inter samideanoj en la plej bela regiono de la Rejna valo

**per Esperanto**

ĉar ekzistas esperantistaj pensionhoteloj, magazenoj, konsuloj, policanoj, kafejo, k. t. p. mallonge perfekta Esp. organizacio.

**en Godesberg a/Rhein**

*la Rejna Esperanto-Kolonio !*

Beleta ĝardenurbo kaj kuracloko apud Kolonjo. La aperinta gvidlibreto germane kaj esperante estas havebla por unu respondkupono de la Delegito de U. E. A.

Informpetojn adresu, aldonante respond-kuponon al Theod. OSTER, Del. de U. E. A., Godesberg.

**Studo per Ludo**, bonega esp. kartludo (vidu *Revuo*, majo 1910). Prezo afr. 0.70 Sm. Mendu kunsendante la monon al la Del. de U. E. A.

## PROPAGANDAJ FOTOGRAFAĴOJ

Ĉiuj Esperantistoj devas tuj mendi la novan eldonon de la poŝtkartoj kaj fotografaĵoj de la Esper. Gazetaro, eldonitan de la Esperantista Gruparo Berlina.

100 poŝtkartoj kostas . . . . 1.70 Sm.
10 fotografaĵoj (40 sur 30 cm) 3.75 —

Sin turni al S-ro SOSTMANN, Berlin, Nw. 87, Levetrowstr. 23.

### ĴUS APERIS :

1) D<sup>ro</sup> **Andreo Fiŝer**. *Esperanta Legolibro* por lernantoj, 106 paĝoj, prezo 30 Sd.

2) **Ivan Turgenev**. *Anjo*, novelo tradukita el rusa lingvo de *D<sup>ro</sup> A. Fiŝer kaj V. Zamjatin*, 64 paĝ., pr. 25 Sd.

Afrankite : ĉiu verko. — 3 intern. respondkuponoj, ambaŭ kune. — 5 int. respondkup. — Por grupoj kaj revendistoj — rabato. Transpagiloj de ĉekbanko Esp. akceptataj.

Mendeblaj ĉe D<sup>ro</sup> *Andreo Fiŝer* (15, Sudebnaja, *Tiflis*, Rusujo).

### AL LA KOLEKTISTOJ

Post kelkaj jaroj, *grandan valoron* havos la plena kolekto de la gazeto.

**ESPERANTO**

Do, rapidu mendi ĉi tiun plenan kolekton dum ĝi estas ankoraŭ havebla po malkara prezo.

*La tuta Kolekto* (75 n<sup>o</sup> j), afrankite 4 $.

Sin turni al la Administrejo (10, rue de la Bourse, Genève).

*Malnovaj n-oj antaŭ 1 Decembro 1908 ne estas izole aĉeteblaj.*

## ESPERANTAJ NOVAĴOJ

*OFICIALA JARLIBRO DE UNIVERSALA ASOCIO.* — Kvara eldono, 2<sup>a</sup> serio. Aperinta la 17<sup>an</sup> de majo. Afranke : 30 Sd.

*JAPANAJ RAKONTOJ.* — Kunmetitaj de Ĉif Toŝio. 71 paĝ. 20 Sd., afranke 24 Sd.

*MARTA.* — Rakonto de Eliza Orzezko, traduko de D<sup>ro</sup> L. L. Zamenhof. Belega volumo da 240 paĝoj. 1.40 Sm., afranke 1.70 Sm.

*LA BARBIRO DE SEVILLA.* — Komedio de Beaumarchais. Srad. Sam. Meyer, 40 Sd., afranke 45 Sd.

**Vortaroj**

*EMILE BOIRAC. — PLENA VORTARO ESPERANTO-ESPERANTA KAJ ESPERANTO-FRANCA.* La dua volumo ĵus aperis. Po volumo 1.80 Sm., afranke.

*KABE. — VORTARO DE ESPERANTO.* — Tute en Esperanto, kun tre precizaj klarigoj pri ĉiu vorto. Bindita 1.60 Sm., afranke 1.85 Sm.

*CH. VERAX. — ENCIKLOPEDIA VORTARETO ESPERANTA.* — 250 paĝ. Bindita 2.40 Sm., afranke 2.60 Sm.

**UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO**

Rue de la Bourse, 10, Genève (Svisujo).

**Granda Marko "Ville de Paris"**

## INKOJ MIETTE

*gluoj likvidaj, sigeloj*

**Jules MIETTE**

102, Rue Amelot, PARIS-XI

## HOTELO LOUIS-LE-GRAND

*2, rue Louis-Le-Grand, Paris.*

En belega loko, inter la Rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj Prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.

## Bad Reichenhall

La perlo de la germanaj alpoj, *mondfama salakvo-banloko, klimata kuracloko.* Plej grandaj pneŭmataj ĉambroj kaj inhalacejoj de la mondo. Jara vizitado : pli ol 35.000 personoj. Sezono : Majo-Oktobro. Kuracado de *malsanoj de la spirorganoj*, astmo, emfisemo, *kormalsanoj, virinsekso*, skrofolo, rahito artrito, reŭmatismo, *resaniĝado. Riĉenhava amuzprogramo.* 250 kilometroj zorge bonstataj promenadvojoj en la tutan ĉarmegan ĉirkaŭaĵon. Gvidfoliojn oni bonvolu postuli de la Esperantista Grupo Bad Reichenhall.



**SANECO** estas *trezoro*, kiun oni konservas facile, kiam oni havas bonan stomakon. Skribu : 6, rue du Helder, *Paris.*

*La sola internacia signo estas :*

## la VERDA STELO "GASSE"

(8<sup>a</sup> jaro).

kun ore skribita vorto " ESPERANTO " (déposée-registrita).

**REKONIGILO ! PROPAGANDILO !**

Pingloj, broĉoj, kravataj pingletoj : 1 : Fr. **0 75.** 10 : Fr. **6.** — 100 : Fr. **45.** — afr. kaj rekom.

Ĉensignoj (kun duoblo faco) 1 : Fr. : **1 50,** 10 : Fr. **12.** — Afr. kaj rekon.

Konto kun Ĉekbanko.

Mendu ilin al via grupo, aŭ per simpla poŝtkarta mandato al Sinjoro Emilo Gasse, 55, rue Fred. Bellanger, Havro, Francujo, aŭ al subtenejoj : Belgujo : S-ro. O. Van Schoor, Vondelstr. Antvérpeno. Britujo : Esp. Oficejo Liverpool. Germanujo : Moller et Borel, Berlin. Hispanujo : Manuel Fuentès Bidebarrieta, Bilbao. Rusujo : Moskva librejo Esperanto, Tverskaja 28. Moskvo.

## PARIS — EGLI'S HOTELO INTERNACIA

*11, rue Bachaumont (Bourse)*

Moderna, centre de Paris, proksime Louvre kaj Bulvardoj. 90 ĉambroj. Tre moderaj prezoj.

Svisa mastro.

Oni parolas Esperante.

3.000 membroj EN FREMDAJ LANDOJ

*Jara Kotizajo* 2 dolaroj (4 $)

Membroj havas la jenajn profitojn :
Ricevi informojn el ĉiuj landoj
Konatiĝi antaŭ ol forveturi eksterlanden

**CHARTERED A.-D. - 1900**

**Sinjorinoj Sinjoroj**
estas akceptataj por membreco
Prospektoj kontraŭ afrankpago
*(senpage al la skeptikuloj)*
Adresu leterojn kaj monon al
**Sekretario de C. C. C.**

Korespondi en fremdaj lingvoj
Interŝanĝi revuojn, poŝtkartojn, poŝtmarkojn
fotografaĵojon, plantaĵojn insektojn, k. t. p.

**Milwauke, Wisconsin, U. S. A.**

**Vojo por aliĝi.** — 1. Skribu vian nomon kaj adreson (legeble) kun unu aŭ pluraj referencoj. — 2. Skribu la lingvojn, kiujn vi komprenas. — 3 Konigu la temon pri kiu vi deziras korespondi. — 4. Sendu la kotizaĵon (4 $) per ĉeko aŭ poŝtmandato. Via nomo estos enskribata kaj vi ricevos ĉiujn paperojn kaj ekz. de *Globe Trotter* kun la plena listo de l'membroj.

ĴUS APERIS :

# La Verko de Zamenhof

*Parolado de* **H. HODLER**, *Vicprezidanto de U. E. A.*

1 ekz. afr. 8 Sd. ; 3 ekz. 22 Sd. ; 12 ekz. 72 Sd. ; 24 ekz. — **$ 1.20**

**UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO**

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)*

# LINGVO INTERNACIA

*CENTRA ORGANO DE LA ESPERANTISTOJ*

eliranta inter la 15. kaj la 20. de ĉiu monato

**LA PLEJ MALNOVA EL ĈIUJ GAZETOJ ESPERANTISTAJ**

[FONDITA EN 1895

**La plej enhavoriĉa!** — **48** paĝoj da dense presita teksto en plej korekta kaj plej klasika stilo.

**La plej malkara!** — **5** fr. (2 $) abonprezo por UNU JARO

## BAD-REICHENHALL en la germanaj Alpoj

# VILAO CONTINENTAL

Plej bela, kvieta kaj senpolva altaĵloko. Ĉirkaŭata per ombraj ĝardenoj. Belega vidaĵo al la montaro kaj urbo. 40 elegantaj meblitaj ĉambroj kun 60 litoj kaj 25 balkonoj. Banoj en ĉiu etaĝo. Elektra lumo. Bonegaj manĝaĵoj. Puraj vinoj. Granda bela manĝoĉambro.

POSEDANTO : **Schwartz.** TELEGRAMADRESO : **Continental**

*ONI PAROLAS ESPERANTE*

MEDIZINISCHE LICHT- & HERZ- u. NERVEN- **Heilanstalt-Kuracejo** por lumkuracado por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj.

vormals : ROTES KREUZ — antaŭe : RUĜA KRUCO

*51 Luisenstrasse* **BERLIN NW. 6** *Telefono III, 3185*

**Sekcio por lumkuracado**

Elektra lumo kun elektrodoj de karbo, fero, hidrargo. Lumo de Roentgen. Radiado d'Arsonval kaj de Oudin kontraŭ artrito, reŭmatismo, neŭralgio, iŝialgio, furunkulozo, diabeto, k. t. p.

**Radiado kaj fotografado laŭ Roentgen**

**Sekcio por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj**

Esploroj per radioj de Roentgen kaj konstatado de l'agado de l'koro. Banoj kun karbacido kaj ŝprucbanoj kun pinburĝonoj. Elektraj banoj por la tuta korpo kaj por apartaj membroj. Vibromasaĝo k. t. p.

**La kuracado plene anstataŭas restadon en Bad Nauheim**

Prospekto laŭ deziro — **KURACADO AMBULANTE. ONI PAROLAS ESPERANTE.** — Du kuracistoj — Direktoro : **Dr. BREIGER**

**Interesega apero en la esperanta literaturo !**

*GRAVEGA POR LA KOMERCISTARO !*

# DUOBLA LIBROTENADO « MONDSISTEMO »

**de E. WUCHER**

Prezo : **1,25** Sm. neafrankita. Havebla de Bigalke & Mohwinkel, Schlechnitzstr. 6, *Bromberg* (German.).

**50** Jara sukceso!

## OSIJEKA VIZAĜPOMADO KAJ OSIJEKA SALVATOR-SAPO

*forigas ŝprucmakulojn, kaj ĉian malpurajon de l'vizaĝo*

Malfalsa sole nur en la Salvator apoteko

SALVATOR-APOTHEKE — SCHUTZMARKE — DIENES-ESSEG

## J.-C. DIENEŜ, OSIJEK (Essegg) (Kroatujo)



1 vazeto da osijeka vizaĝpomado kostas po 70 heleroj kaj po 1 Krono (1 Krono = 100 h. = 42 spesdekoj) ; 1 peco da Salvator-sapo 1 K. Unu vazeto da manŝmiraĵo 1 K. 20 h. Lyona pudro, malgranda skatolo 1 K. granda skatolo 2 K. Tiuj ĉi rimedoj ne havas domaĝajn konsistaĵojn kaj tutege respondas al la regularo de la alta registaro.

KIAL ESTAS UZOTA NUR

**" MIRANDA-KREMO "?**

Ĉar *Miranda*-Kremo estas perfekte nedomaĝa, ĉar per « **Miranda-Kremo** » **oni atingas idealan belecon**, ĉar *Miranda*-Kremo forigas ĉian malpuraĵon de la haŭto, ĉar *Miranda*-Kremo ne nur **plibeligas**, sed ankaŭ **junigas**. Unu vazeto da « **Miranda** » **Kremo** kostas 1 K. Unu skatolo da « **Miranda-pudro** » (trikolora) 1 K. unu peco da « **Miranda** » **sapo** 70 h.

Ricevebla ĉe la produktanto **J.-C. DIENEŜ**, post Osijek, supera urbo, de kie mendoj per poŝtpaĝo tuj efektiviĝas

La korespondado kun la **Salvator-Apoteko**, de **J.-C. Dienes** estas ankaŭ en la lingvo **Esperanto** krom la lingvoj germana, angla, franca, itala, latina, kroata, serba, aliaj slavaj lingvoj kaj la magyara.

La korespondanto de firmo J.-C. Dienes estas Drag. Mirko Kaniĉar, Delegito U. E. A.



Tiu ĉi

**SVEDA RAZILO**

kostas

1 po 1.92 $
2 — 3.30
3 — 4.12 afrankite

*Vidu la antaŭajn anoncojn en la gazeto.*

**John BYHLIGER, HEDEMORA (Svedujo)**

**Bonvolu atenti firmon kaj markon!**

ALKOHOLFREI — SANS ALCOOL

Pensantaj homoj elektas kiel sian ĉiu tagan trinkaĵon ekfreŝigantan la nutrajn.

**Senalkoholajn Wormsajn Nektar-Vinojn**

*(vinber- kaj fruktmostoj)*

Prezaron senpage kaj afrankite per

**NEKTAR WORMS a/Rh. N<sup>o</sup> 248** (Germanujo).

*DETRANĈU KAJ SENDU PLEJ RAPIDE AL* **ESPERANTIO, 10, rue de la Bourse, GENÈVE** (Svisujo)

# 1<sup>a</sup> KONGRESO DE U. E. A.

AUGSBURG — *28 Julio - 3 Aŭgusto*

## ALIĜILO

La subskribinto mendas (1). — Sm

| | | Sm | |
|---|---|---|---|
| ........ Karto(j)n de Kongresano | ( 3 Sm). | | |
| ........ Karto(j)n de Helpkongresano | ( 1 Sm). | | |
| ........ Kuponaro(j)n de I<sup>a</sup> Klaso (2) | (23 Sm). | | |
| ........ Kuponaro(j)n de II<sup>a</sup> Klaso (2) | (20 Sm). | | |
| ........ Kuponaro(j)n de III<sup>a</sup> Klaso (2) | (18 Sm). | | |
| ........ Oficialan Jarlibron de U. E. A. | (0.30 Sm). | | |
| ........ Kolekton de gvidfolioj | (0.25 Sm). | | |
| ........ Oficiala(jn) insigno(j)n | (0.36 Sm). | | |
| ........ Esperantiajn Markojn | | | |
| ........ Karto(j)n de Kongresano de TEKA | (1 Sm). | | |
| Kaj kunsendas per poŝtmandato (1)....... | | | |
| Ĉeko (1) — Bankbileto (1) — la sumon da.... | | | |

Nomo (tre legeble) ........................

Antaŭnomo: ........................

Adreso : ........................

Urbo : ........................

(1) Surstreku tion, kio ne taŭgas.

(2) La kuponaro enhavas : loĝadon dum 6 noktoj kun frua matenmanĝo, partoprenon ĉe la malferma kaj festenoj, komunajn tag- kaj vespermanĝojn dum la tuta kongreso, ekskurson al la reĝaj kasteloj de Neuschwanstein (kun vojaĝo, vizito de la kasteloj kaj komuna manĝo).

## GRAVA AVIZO!...

Gesamideanoj,

Jen alvenas la Jubileo. Por ĝin festi, ĉiuj, ĉiuj, ornamu viajn fenestrojn per esperantista flago.



Pri tio petu la senpagan ilustritan prezaron de flagoj Esperantaj kaj divernaciaj al la Firmo

**Cuzon**, 52, rue de Paris Charenton, (Seine), France.

## F. Emil Boden, Dresden (Saksujo)

**Bismarckplaco 12**

Esperantista Eldonejo :: Esperantista Librejo
Esperantista Presejo :: Artista Presejo ::

Atentu! La mendojn ni nur povas plenumi kontraŭ antaŭsendo aŭ pagoŝarĝo de la mono. Je antaŭpago ni povas aldoni 5 % de la sumo por niaj sendkostoj.

Laŭmetoda, detala **Lernlibro de Esperanto**, verkita de Karl Schönherr, instruisto. 7<sup>a</sup> eldono . . . . M 1.75
**Lexikon deutscher Redensarten**, ellaborita kaj en Esperanton tradukita de rektoro Wilh. Velten kaj R. Richter. Broŝurita M 2.50, bele bindita . . „ 3.—
**Malgranda kantareto** (kun notoj) . . . . . . . . . „ 0.50
**Dr. Zamenhofs Tabelle der Formwörter**, verkita de rektoro Wilh. Velten . . . . . . . . . . „ 0.40